# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

PUBLICATION MENSUELLE

27e Année
— N° 185 —
Novembre 1959

34, Rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.







(*Clichés aimablement prêtés par* « La Tribune de Montélimar »).

L'Adjoint au Maire,
le Commandant de la Place,
L'Inspecteur des Ecoles.
**Debout** : M. R. Llorens,
le Président du Groupe « Rodana Stelo ».

Quelques membres du Groupe
« RODANA STELO ».

## L'INAUGURATION DE LA SALLE "BOIRAC"
## le 7 Juin 1959 à MONTELIMAR
## la ville du 52e Congrès National d'Espéranto (les 4, 5 et 6 Juin 1960)

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**

**M. Paul CILIGA,** U.E.F., 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un double interligne. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**COTISATIONS**

| | F. | N.F. |
|---|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** (Fédération, 20 ; Groupe, 30 ; UEF, 25 ; UEA, 25) | 100 | 1 |
| **MEMBRE ACTIF** | 300 | 3 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E » | 800 | 8 |
| **MEMBRE JUNIOR :** moins de 21 ans (TEJO) et étudiants | 500 | 5 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnt à la « RF d'E ») | 1.500 | 15 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO.** | 600 | 6 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandanoj** | 700 | 7 |
| SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** | | |
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 825 | 8,25 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 1.650 | 16,50 |
| (La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj estas respektive **415** kaj **825 F., 4.15 NF.** kaj **8,25 NF.** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj). | | |
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 2.500 | 25 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 1.300 | 13 |

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris C.C.P. 855-35 Paris.

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F. ; de soutien : 1.000 F. ; bienfaiteur : 1.200 F. (8, 10 et 12 NF.).

# SKRIBIS AL NI

## Prof. D-ro E. PRIVAT...

Evole 3 Neuchâtel
La 30 Julio 1959

UNION ESPERANTISTE FRANÇAISE
PARIS

Karaj Francaj Samideanoj,

Mian edzinon kaj min tre kortuŝis viaj afablaj bondeziroj por mia 70 jara naskiĝtago.

Mi memoras ĉiam danke viajn pionirojn Generalon SEBERT, Prof. CART, Carlo BOURLET, Ernest ARCHDEACON, Advokaton MICHAUD, kaj grandan nombron da fervoraj amikoj, kiujn mi renkontis en Parizo kaj Bulonjo, kiam mi estis ankoraŭ knabo, kaj mi ne forgesas la kuraĝigojn de Rektoro BOIRAC eĉ antaŭ tiu tempo. Al vi ĉiuj kaj al via movado, mi deziras kuraĝon por daŭrigi viajn senĉesajn klopodojn, kaj mi restas dankeme,

Via tutkora,

Edmond PRIVAT.

# KUNSIDO de la ADMINISTRANTARO de U. E. F.

## en Grésillon la 5-an-9-59

Ĉefaj punktoj laŭ la protokolo farita de S-ro A. Ribot.

**• Reelekto de la Estraro de U.E.F. :**

La samaj estraranoj estas reelektitaj :
Prezidanto : S-ro Llech-Walter.
Vic-Prezidantoj : S-roj Guillaume et Petit.
Ĝenerala Sekretario : S-ro Ribot.
Kasisto : S-ro Rousseau.

**• Dankletero :**

estos sendata al la franca Ambasadoro en Varsovio, sekve de lia bonega akcepto al niaj francaj gekongresanoj.

**• Rondvojaĝo de S-ro HAMVAI :**

Tiu Novzelandano faros rondvojaĝon propagandan en Europo, auspicie de U.E.A. : ni diskonigos tion al la grupoj per cirkulero kaj per enpresigo en F.E. La rezultojn ni sciigos al U.E.A.

**• Polaj poŝtmarkoj :**

S-ro Rousseau klopodos por enpresigi artikoleton pri tiuj P.M. en filatelia gazeto, kies redaktoron li konas.

**• Poŝtkarto Tancarville :**

Proponite de S-ro Guillaume, la eldono de poŝtkarto esperantlingva kun la bildo de la ponto de Tancarville estas prizorgota. Sed, pro la altaj prezoj oni ekrilatos kun la firmao, kiu ĝin eldonis.

**• Franca Esperantisto :**

Tiu ĉi gazeto fariĝos denove ĉiumonata, eke de 1960, kiam S-ro Thierry estos restariginta la redaktan komitaton. S-ro Petit zorgos pri reklamoj kaj S-ro Motillon pri la kolektado de artikoloj rilataj al Esperanto.

**• Kongreso en Montélimar :**

Ĝia organizado ricevas ĉiujn zorgojn de S-ro Llorens, kiu preterlasas neniun detalon por doni al tiu manifestacio la plej elstaran sukceson. Ĉiumonate, aperos komunikaĵo en F.E.

**• Kongreso en Varsovio :**

S-roj Llech-Walter, Guillaume, Petit kaj Rousseau raportas pri la bonaj impresoj, kiujn produktis tiu Kongreso ĉe ĉiuj kongresanoj. Rilate al Francujo, la sinteno favora de nia Ambasadorejo pruvas la favoran evoluon de la konsiderado priĝuata de Esperanto en la oficialaj rondoj.

**• Kongreso en Bruxelles :**

S-ro Petit jam rezervigis ĉambrojn en bona hotelo. Estas esperinde, ke, dank' al la proksimeco de la venontjara kongresurbo, la franca kongresanaro estos la plej multnombra. S-ro Petit organizos karavanon per trajno kaj aŭtobuso.

**• Jaro Zamenhof :**

La franclingva presaĵo « Année Zamenhof » estos sendata, fare de la Gazetara-Servo, al ĉiuj gazetoj, sed nur en novembro.

**• Kursgvidantoj :**

Ĉiuj grupoj estos invitataj organizi kursojn, sed bedaŭrinde, eĉ en vastaj urboj, kia Lyon, la manko de kursgvidantoj estas granda danĝero, pri kiu la Administrantaro plene konscias ; ni enketos pri eblecoj de Ĉe-Kursoj.

**• UNESKO :**

La Administrantaro akceptas la proponon de S-ro Rougetet, ke UEF estu reprezentata ĉe la ĉiumonata kunveno en UNESKO-DOMO, de l' « Comité Français des Organisations Non-Gouvernementales pour la Liaison et l'Information de l'ONU ».

**• Gratulojn :**

sendos UEF al S-roj Lentaigne et Freinet, kiuj eldonis bonegan informbroŝuron franclingvan pri Esperanto.

**• Projekto :**

S-ro Frangeul proponis la organizadon de esperanta kurso dekleciona en la gazetaro. La Administrantaro plene aprobas tiun projekton, kies efektivigo estas prizorgota. Post tiu kunveno, letero de la Federacio de Nancy temas pri sama projekto. Tiu Federacio unuavice realigos tiun projekton, poste la aliaj. Ĉiuj interesatoj bonvolos ekrilati kun S-ro Ribot. S-ro Petit enketos por ricevi malkarajn kliŝojn.

**• Popoluniversitatoj :**

S-ro Petit informas pri la kontentiga stato de la rilatoj kun tiu grava organizo. Prof. Canuto, Prezidanto de UEA aperigas kurson de Esperanto en la itala bulteno de tiu Organizo. Ĉu ne eblus agi same en Francujo ?

**• P.T.T. Asocio :**

Kun granda plezuro la Administrataro eksciis, ke du sindonaj samideanoj laboras por la restarigo de la PTT-Asocio. Ĉiuj gesamideanoj, membroj de tiu administracio, bonvolu sin turni al S-ro Collomb aŭ F-ino Robin, ĉe UEF, 34, rue de Chabrol, Paris-X^e^.

**• Senpaga vojaĝo al Bruselo :**

okaze de la venontjara kongreso al Bruselo, UEF lotumigos senpagan vojaĝon al tiu urbo, inter la aĉetintoj de la karto « Membro-Apoganto », kies nura prezo estas 100 fr. (50 fr. restas en la grupa kaso). Bonvolu la interesatoj sin turni al F-ino Paulier por ricevi tiujn kartojn.

**• Blindula Asocio :**

S-ro Gonin, Prezidanto de tiu ĉi Asocio, petas la aliĝon de la Franca Unuiĝo de la Blindaj Esperantistoj al UEF, kies Administrantaro grandplezure akceptas.

**• Dumviva Membreco :**

Kelkaj membroj de UEF petis la starigon de la kotizo : DUMVIVA ; post diskuto, la Administrantaro difinis ĝian prezon je DUDEKKVIN MIL FRANKOJ, sendotaj al la poŝtĉekkonto de UEF N° 855-35 Paris.

**• Eldono :**

S-ro Ribot prezentas al ni sian novan eldonaĵon, verkitan de pola aŭtorino : Maria ZIOLKOWSKA : « LE DOCTEUR ESPERANTO » ; tiu ĉi verko estos tre utila por la lernantoj kaj personoj, kiuj interesiĝas pri la vivo de nia Majstro.

# IMPRESOJ PRI POLLANDO

*En la Jubilea Kongreso de Varsovio la francoj multinombre partoprenis : ĉi-sube nia legantaro povos ekkoni la impresojn de kelkaj ĉeestintoj pri la tiea restado per du artikoletoj de junaj kaj novaj esperantistoj kaj kelkaj pripensoj de du spertaj estraranoj de UEF.*

## POLLANDO, TERO DE KONTRASTO

Vasta, senfina ebenaĵo milde verda; vilaĝoj, en kiuj vivas malriĉaj kaj malmodernaj kamparanoj; vojoj maldelikate pavimitaj kaj laŭiritaj de veturiloj malmulaj ; urboj, en kiuj ruinoj najbaras tute novajn domojn — jen tiel aspektas Pollando ĉe l'unua ekrigardo.

Oni ja bezonas eniri en polajn hejmojn kaj vivi kun polaj popolanoj por ekkoni pli ĝojan flankon de Pollando : facila bonhumoro, emo al ŝerco kaj ĝojo, malgraŭ la malfacilegaj vivkondiĉoj, kaj precipe eksterordinara gastameco.

Kiam oni eniras polan teritorion, oni atendas ja vidi kolĥozojn aŭ kolektivajn farmbienojn, en kiuj la unuopa laboro estas organizita tiel, ke ĝi profitu al ĉiuj. Male ! Oni vidas ofte virinon aŭ knabon paŝtantaj du aŭ tri bovinojn, eĉ kelkfoje nur unu bovinon aŭ kaprinon. Oni preskaŭ povus diri, ke estas tiom da paŝtistoj, kiom da bestoj. Kaj dumtempe industrio mankas je brakoj kaj ne sufiĉe ampleksiĝas. Fakte, tiu organizado estas la ekzakta malo de socialisma ekonomio, kaj ne sukcesis pliriĉigi tiun landon, jam malriĉan antaŭmilite . Certe, alia videbla kaŭzo de malriĉeco estas la senzorgeco de la laboristoj. En bankoj kaj poŝtejoj ekzemple, mi vidis oficistojn laborantajn kun nekredebla malrapideco ; ofte, sur la bordo de la vojoj, kuŝas dormantoj...

Alia fakto tuj rimarkebla : kiam vi parolas kun polo, eĉ se li nur balbutaĉas kelkajn vortojn francajn aŭ germanajn, tuj li provas demandi, kiom vi gajnas ĉiumonate en Francujo, kaj kiom vi pagas plurajn aĉetaĵojn. Se vi sciigas al li, ke ekzemple por aĉeti malgrandan motorciklon, vi devas labori du monatojn, li respondas preskaŭ fiere, ke polo, por aĉeti la saman, devas labori preskaŭ unu jaron. Sed — stranga kontrasto — oni vidas en Pollando multege da motorcikloj, preskaŭ ĉiuj de ĉeĥa fabriko « Java » ; cetere ili estas tre bonkvalitaj. Tio ne malhelpas, ke, se vi haltas borde de trotuaro kun franca motorciklo, tuj kelkaj dekoj da videmuloj ariĝas ĉirkau vi kaj rigardas vin kaj vian veturilon scivole kaj eĉ senrespekte. Ĉu admiro, ĉu moko ? Mi (eble ankaŭ ili) ne scias. Mi rimarkis, ke precipe la kilometrokalkulilo altiris ilian atenton ! En stratoj urbaj, nur unu specon da aŭtomobiloj oni vidas, la « Varŝava », fabrikita en Pollando sub rusa licenco. Tio iom donas al la urboj atmosferon maldiversecan. Apenaŭ 10 % de la veturiloj estas de fabriko ĉeĥa, germana, aŭ franca, krom aŭtobusoj (ĉiuj estas de franca fabriko « Chausson »).

Ankoraŭ karakteriza fakto en tiu lando malavara je miraĵoj, estas la granda potenco de la romkatolika

## TRANS LA FERKURTENO

Vi ja legis sufiĉe pri la Varsovia kongreso mem. Tial, mi volas rakonti tie mian vojaĝon kaj kiel mi trapasis la « feran kurtenon ».

De ĉirkaŭ la 21-a de la lasta tago de Julio, kolektiĝis en la stacidomo Norda la partoprenontoj de la U.K kiuj estis aliĝintaj al la franca karavano.

Per helpo de niaj karavanestroj S-roj Petit kaj Rousseau, la vojaĝontoj trovis sufiĉe facile siajn lokojn, kvankam en la 2-a klasa vagono tiuj ĉi estis jam okupataj de aliaj personoj !

Baldaŭ alvenis la momento de la foriro. Ĝis revidoj, mansvingoj al la amikoj, kiuj restis sur la kajo, kaj la vojaĝo komenciĝis.

Mia unua miro estis, kiam tiu internacia trajno, kiu ebligas iri de Paris al Varsovio en la sama vagono, haltis jam... en Compiègne ! Krome, ni ankoraŭ haltos 5 fojojn antaŭ la belga limo !

Malgraŭ la vizitoj de la doganistoj, policistoj, k.t.p. mi sukcesis dormi ĝis Liège, kvankam jam en Namur estis taglumo.

Novaj zorgoj de niaj gvidantoj : kaj tuj post la foriro el AACHEN, oni invitis nin iri al la manĝvagono. Tiun inviton ni ricevos ankoraŭ dufoje dum la tago. Ĉiufoje, ni plenigis tiun vagonon.

Dum tiu tago, mi trapasis la feran kurtenon. Fakte, ĝi montriĝis al mi nur per du gardturoj, kiujn mi ekvidis en la kamparo inter Helmstedt kaj Marienborn. Kompreneble, ni konstatis tiun transiron per kromaj detaloj : la uniformo de la fervojistoj iom ŝanĝiĝas, ni denove havis la vizitojn de novaj doganistoj, policistoj, k.t.p. kaj en Marienborn akceptis nin en la stacidomo flagoj kaj banderoloj.

Alia atendinda afero estis la trapaso en Berlinon. Bedaŭrinde estis preskaŭ nokte kiam ni alvenis tien. La stratoj de la okcidenta parto de la urbo estis lumigataj kaj ankaŭ la reklamiloj de la magazenoj; sed kontraste, ili estis mallumaj kaj malplenaj en la orienta parto.

Danke la laborojn kiuj estis farataj en la okcidenta parto ĉe la subtera fervojo, mi havis la bonŝancon ekvidi tiun trajnon, kun flavaj kaj nigraj vagonoj, el sur la fervojponto, kie ni dummomente haltis, antaŭ ol eniri en la stacidomon mem.

Post Berlino, komenciĝis la dua nokto de nia vojaĝo. Tiu nokto, kiel la antaŭa estis de tempo al tempo « tranĉita » de novaj doganistaj kaj policistaj vizitoj.

Ĉe la pola limo, mi ŝanĝis la horon de mia brakhorloĝo, ĉar... ni estis irantaj al la suno !

eklezio. Borde de la vojoj, oni vidas ofte kalvariojn kaj statuojn de la Dipatrino, ĉiam bone ordigitaj kaj florumitaj. En Czestochowa, videblaj estas virinoj kaj viroj genuantaj rekte sur malvarma pavimo, en kaj ekster la baziliko ; mi vidis virinojn ploregantaj antaŭ la bildo de la Madono ; multaj konfesejoj staras ne nur en la baziliko, sed ankaŭ eĉ sur apudaj vojoj, sur trotuaroj. Tiu neordinara religiemo liveras al la ekleziaj eminentuloj grandegan potencon, kiu kontraŭstaras tiun de la registaro. Teorie, Pollando staras sub socialisma reĝimo, materialisma kaj progresema. Fakte, ĝi estas, pli ol iu ajn nacio, fidela al antikvaj tradicioj kaj vivmanieroj. Kaj tio estas ankoraŭ vera kontrasto, ke tiuj du potencoj malamikaj, la moskva kaj la vatikana, staras unu kontraŭ la alia kaj kunvivas, neniu el ili agnoskante la povon de la alia.

Se pri pluraj temoj, precipe teĥnikaj, Pollando ne estas moderna, pri la intelektaj temoj ekzemple ili ne postrestas pli, ol aliaj popoloj. Kontraŭe ! Kiam al plej malkleraj kamparanoj mi parolis pri Esperanto, ili respondis tuj kelkajn vortojn, el kiuj estis distingeblaj : « Jes... Kongres... Varŝava... « ; iu ajn vilaĝa benzinvendisto, vidante nian verdan stelon ĉe butontruo, tuj diris al ni pollingve : « mi ne parolas Esperanton ». Tio almenaŭ montras, ke ili ĉiuj aŭdis pri Esperanto. En Francujo, se citi nur ĝin, oni vane serĉus tion, eĉ dum Kongreso kaj en urbo kongresa.

Aliflanke, Poloj havas grandan emon al amikeco. Amikeca ligo kun Polo estas nepre sincera kaj daŭrema. Kaj ili montras grandan helpemon kaj servemon. En Krakovo, dum ni serĉ's monŝanĝejon, hazarde ni renkontis junan esperantiston. Tuj li proponis, ke li supreniros la malantaŭan seĝon de la motorciklo, kaj kondukos nin ĝis la taŭga loko.

Mi do konfidas je pola popolo koncerne estontecon. Ĉio estas ŝanĝiĝema : politiko pli ol alia afero. Pro tio mi havas grandan esperon pri evoluo de Pollando al ĉiam pli granda moderneco kaj libereco, kio estas la plej kara deziro de ĉiu homo.

André CHERPILLOD

## LA VIVKONDIĈOJ

La poloj rimarkigis al ni, ke la nuna lando konsistas el tri partoj :

1° — La okcidenta kun la urbo Poznan, kiu estis sub la germana influo — la enloĝantero estas tre disciplinema, kaj la laboro vere organizita ;

2° — la suda, kun la urbo Krakovo, kiu estis sub la regado de Aŭstrio ;

3° — la orienta kun la urbo Varsovio, kiu ricevis la rusan karakteron — tie ĉio ne ĉiam iras tre glate kaj rapide.

Diversaj estas do la vivkondiĉoj...

*Salajroj* : Laŭ la oficiala bazo, instruisto ricevas la valoron de 24.000 ĝis 36.000 frj monate, simpla laboristo 80 frj hore, kaj mekaniskisto 200 frj hore, servistino 15.000 frj monate. La trinkmono, oficiale malpermesita, estas facile akceptata.

Poste, kiam mi vekiĝis, ni estis alproksimiĝantaj al Varsovio, kiun ni atingis nur post kelkaj horoj da plua veturado.

Fine, do, mi estis en Varsovio, kun grandegaj okuloj malfermitaj al tiu urbo, pri kiu mi dum la tuta jaro pripensis.

Ĉu mi rakontos la reirvojaĝon ? Estus iom teda. Tamen, se tion vi deziras, bonvolu legi mian rakonteton... komencante ĉe la fino.

Pierre ROUSSEAU

*Prezoj* : Manĝaĵo en magazeno kostas proksimume same kiel en Francujo, krom ĉokolado kaj kafo (5 aŭ 6 foje pli). Skribilo « Bic » valoras 600 frj ; kravato minimume 1.000 frj, kaj tial la poloj malofte uzas ĝin ; eĉ oni povas vidi en la plej luksaj lokoj virojn kun malfermita ĉemizo kunesti kun virinoj surmetintaj vesperrobojn. Radio kaj televidaparatoj kostas la saman prezon kiel en Parizo. La naciaproduktadaj veturiloj « Sirene » kostas 1.400.000 frjn kaj « Warszawa » 2.400.000 frjn; ili aspektas kiel la « 203 Peugeot ».

Sed la poloj ricevas pakaĵojn de eksterlando, ĉefe de usonaj parencoj ; kaj ili rajtas en speciala magazeno revendi, kiel en borso, aŭ manĝaĵojn aŭ vestaĵojn ; pro tio oni rimarkas elegantajn robojn en restoracioj. Tamen en tiuj ĉi la francoj ne estas tre feliĉaj. Kvankam ni lernis malmulte da polaj vortoj, ni almenaŭ konas la signifon de « moment » aŭ « momentcie », tio estas « momento » aŭ « momenteto ». Estas malagrable pensi pri la perdita tempo necesa por manĝi kiel la poloj nur unu pladon (viando kaj diversaj legomoj) ; Pri gastronomio, nenio elstara, nenio tre plaĉa por ni, krom en la plej bonaj restoracioj la menua redaktado en la franca lingvo. Sed oni dancas kaj estas neatendite vidi virojn kun neglektita ĉemizo inviti bele vestitajn virinojn ; kompense, ili ne forgesas kisi la manon ĉe la komenco kaj fino de la danco.

Litro da vino de Sudeŭropo kostas 2.000 frjn, kaj la franca vino en restoracio minimume 3.000 fr. En magazeno ŝinko kostas 1.000 frjn kilograme ; fromaĝo ne tre bona 600/800, sed laktaĵoj (jogurto — kefir) malmulte. Pano 70 frjn kilograme, butero 1.000-1.200 fr., teo 700 fr. Nu, por pli bone vivi, la poloj havas du laborojn, des pli facile, ke ili normale laboras de la 7a ĝis la 15a senhalte (nur pano kaj teo je la 11a) : tiel restas tempo libera dum la posttagmezo.

*Stratoj* : Malmulte da bicikloj, motocikloj au aŭtomobiloj : vere por havi akcidenton oni devas esti tre malbonŝanca aŭ plene ebria ! Tamen, sufiĉe da bruemaj tramoj kaj taksioj funkcias eĉ dum la nokto. Ĉiu persono rajtas havi 9 kvadratajn metrojn da loĝejo, sed la kuirejo restas aparta, kaj la luprezo treege malalta. Sur la ĉefaj placoj kaj bulvardoj, alte staras laŭt-paroliloj, kelkaj moveblaj, certe tre utilaj por la grandaj manifestacioj kaj paradoj !

Jean GUILLAUME

## EKSKURSO EN BJALOSTOKO

**« Malantaŭ la punta kurteno... Zamenhof tie estis... »**

Tri ekskursoj alvokis la geesperantistojn en Varsovio. Sed tamen, la plimulto elektis Bjalostokon, kaj tion ne bedaŭris, ĉar, vere, la akcepto estis mirinda.

Eĉ speciale komisiita de la redaktoro por raporti pri la ekskurso, mi estis tiel kortuŝita, tiel emociita ke, verdire, mi ne povas raporti pri faktoj, sed nur pri tiu etosa Zamenhofa spirito, kiu regis sur la tuta ekskursantaro.

Tuj kiam alvenis la trajnoj, centoj da junaj Bialostokanoj akceptis nin kun rideto sur la lipoj kaj floroj en la manoj.

Frataj kisetoj kaj disdonado de floroj, jen la alveno en Bjalostoko, kaj tiun kortuŝantan akcepton ni ĝuis dum la tuta ĵaŭda tago.

Ni iris aŭtobuse al placo, kie la Prezidanto Giorgio Canuto cementis la unuan ŝtonon de la monumento.

Partoprenis muzikistoj, kiuj ludis polajn melodiojn kaj fine, la esperantan himnon « La Espero ». Tiam regis vere emociiga momento.

Poste, la ĉeestantaro, (sekvante la muzikistojn, kiuj ĉiam ludis), iris procesie ĝis la naskodomo de D-ro Zamenhof.

Oni povas diri, ke tie la komuna emocio atingis sian plej altan gradon.

... « Malantaŭ la punta kurteno... Zamenhof tie estis... ».

Kvazaŭ propramove kaj unuanime, la ĉeestantaro observis, dum kelkaj minutoj pian silenton. Eĉ kelkaj el ili diskrete viŝis larmojn...

Poste, alveno al la « Nova Lernejo » kiu ricevis la ŝatindan nomon « Lernejo Zamenhof ». Tie, memortabulo, paroladoj, floroj...

La oficiala loka gazeto « Gazeta Bjalostoka » de la sama tago (6-a de Aŭgusto) favore raportis pri Esperanto.

Ruĝa titolo, tre videbla diris esperantlingve : « Ni salutas Esperantistojn en la Urbo de Zamenhof.

Sub tiu titolo estis granda portreto de nia kara Majstro.

Ĉio unuvorte rimarkigis, ke tiu memorinda tago estis vere Esperanto tago. Eĉ en la diversaj restoracioj oni konstatis kun granda plezuro, ke la manĝaĵoj estis pli bonaj ol kutime.

Aliparte, ni volus tamen paroli pri la mirinda akcepto de la Urbestraro en la Kulturaj Palacoj de Varsovio, sed nia rolo estas precipe raporti por la gelegantoj de « Franca Esperantisto » pri la tago en Bjalostoko.

Ni aldonu do ke, en tiu urbo, nun fame konata, S-ro Krochmaski (Urbestro) kaj S-ro Krozeniowski (Vicurbestro) faris al la kongresanoj vere elkoran akcepton.

Multaj gejunuloj petis de la kongresanoj subskribaĵojn memore al tiu Esperanto Tago.

Oni sentis, ke tie regas evidenta simpatio por nia Movado.

Ni firme esperas, ke en tiu simpatia urbo, la Nova Lernejo « Zamenhof » estos favora okazo al la lernantoj, por interesiĝi pli kaj pli por Esperanto.

Kaj ni arde deziras, sammaniere, ke, en la tuta mondo la nomoj de D-ro Zamenhof kaj Esperanto respeguligu vere por ĉiuj, kaj precipe por la gejunuloj, la noblan simbolon de daŭra internacia amikeco, dank'al nia kara lingvo.

*R. L.-W.*

## *REMERCIEMENTS ET VŒUX*

Perpignan, le 21 Septembre 1959

S.E. Monsieur LANGE,
Vice-Président du Conseil Polonais
Grand Hôtel
FONT-ROMEU (Pyr.-Orient.)

Monsieur le Président,

Au nom des Espérantistes Catalans, nous vous souhaitons la meilleure des bienvenues.

Nous n'oublions pas l'accueil chaleureux que nous ont réservé les autorités polonaises et le peuple polonais, à l'occasion du 44e Congrès Universel d'Esperanto à Varsovie.

Nous avons été également très bien reçus par M. Burin des Rosiers, Ambassadeur de France à Varsovie, et par ses dévoués attachés.

Nous espérons que votre séjour en Cerdagne sera des plus agréables et des plus profitables pour votre santé.

Veuillez agréer, Monsieur le Président, l'expression de nos sentiments très respectueusement dévoués.

*René LLECH-WALTER*

Font-Romeu (Pyr.-Or.), le 23 Septembre 1959

Monsieur René LLECH-WALTER
5, Quai Vauban
PERPIGNAN

Monsieur,

Je vous remercie beaucoup pour votre lettre et vos souhaits.

Veuillez accepter de ma part, mes salutations à vous-même, et aux Espérantistes Catalans.

Leur activité est une contribution importante à la cause de compréhension mutuelle entre les nations, — base de tout effort de coopération internationale.

Respectueusement votre :

*O. LANGE*
*Vice-Président du Conseil Polonais*

## A LA « CROIX-ROUGE »

Nous avons appris avec plaisir que M. l'Ambassadeur, André-François PONCET, Président de la « Croix-Rouge », avait décerné à M. René Llech-Walter, Président de l'U.E.F., Trésorier de la « Croix-Rouge » à Perpignan, un Diplôme de reconnaissance.

Nos félicitations à notre Président, Officier de l'Instruction Publique, Chevalier du Mérite Social, pour le dévouement qu'il apporte à la cause des malheureux.

Il faisait déjà partie, en 1943, du Service Social de la Résistance et eût les honneurs du « micro » de Londres, de la presse clandestine, et du... camp de la mort d'Altengrabow.

Du ĉeĥaj instruistoj-muzikistoj deziras tutmonde kontaktiĝi kun muzikistoj, se eble kun seriozaj gitaristoj, por interŝanĝadi muzikaĵojn.

Adresoj : 1. Fran Fridrich Zòld, Streda nad Bodrogom, kraj Kosice.

2. Teodor Andreas, Kosice, Krupskej 55.

**« La Espero »**

Qui pourrait nous procurer les partitions de « la Espero », qui a été arrangée en pas redoublé avant 1914 ? Ecrire à la REF.

# LA DEĴORA KLAĈISTO

Oni anoncas, ke D-ro CAPELLUS intencas revivigi mortinton. Tiucele li kunvokis kongreson de doktoroj, ekspertokuracistoj pri lingvoj. Tiuj ĉi detale ekzamenis la lingvokorpon latinan, kaj doktege debatis pri ĝiaj viveblecoj... sed per modernaj lingvoj ! Ja, tiel sonore kaj harmonie fartas en la nunaj gorĝoj la fonetika aparato de Horacio, ke pluraj opiniis pli bona lasi la latinan kadavron ripozi... Sed el sia tuta fortostreĉo obstinas D-ro Capellus : estis do sugestite fortranĉi ĉi tie kelkajn paradigmojn, kiuj paralizas la langon, kaj aldoni tie unu artikolon ; eĉ dum momento oni timis, ke la kelnera latinaĵo fariĝos nerekonebla monstraĵo, kvankam ĝis nun neniu el la doktaj doktoroj kapablis improvizi paroladon en la lingvo de Cicerono. Ha, la povra advokato, jen — eble baldaŭ — li devos alparoli la obstinulojn ! Ba, post la japana tajfuno eble venos Roma tertremo. Hej ! la fama antikva oratoro estos suprenirinta sur la Rostrojn, por eldiri kun koleriĝo : « Quousque tandem Capelle... ».

Intertempe oni laŭdire promesis donaci peceton da nugato de Montélimar al la unua, kiu kapablos improvize klarigi per pura Cicerona lingvo la fabrikadon de la nugato.

VERRIDO

# EL HINDUJO...



*(Kliŝo, laŭ afabla permeso de Germana Esperanto Revuo)*

**S-ino Haudebine, ĉe-instruitino en Hindujo, salutas ĉiujn siajn geamikojn de Francujo.**

Ĉiuj konas la sindonan agadon de S-ino HAUDEBINE, vera pionirino, speciale sendita de U.E.A. por disvastigi la Lingvon Internacian en tiu malproksima azia Lando de la sanskrita lingvo.

Ĉi-supre ni havas la plezuron konstati, ke ŝiaj klopodoj kiel ĉiam fruktas : kun aro da gelernantoj ŝi ŝajnas atendi vin por venonta renkontiĝo. Ĝis la revido !

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

*PEKIN :* La revue culturelle « El Popola Ĉinio » qui parait mensuellement en Langue Esperanto a ouvert pour les étrangers un cours de langue chinoise par l'intermédiaire de la Langue internationale. L'Espéranto est d'ailleurs utilisé pour répandre à l'étranger des œuvres littéraires.

*
* *

*U.S.A. :* Un inventeur américain a présenté une démonstration avec sa machine à traduire électronique, qui devait sans erreur traduire en langue russe des maximes anglaises et inversement.

La première phrase était : « The spirit is willing, but the flesh is weak» (l'esprit est prompt, mais la chair est faible). Le robot traduisit : « L'alcool est prêt, mais la viande est crue »

La deuxième : « Out of sight, out of mind » (loin des yeux, loin du cœur) a donné en langue russe : « Un fou non visible » !

*
* *

*TOKIO :* La bibliographie de la littérature médicale en Espéranto récemment éditée à TOKIO cite 147 essais dont l'original fut rédigé en Langue Internationale de même que 841 résumés et 22 dictionnaires techniques se rapportant à 22 branches différentes de la médecine.

(Ajoutons que le Journal de Médecine de Lyon fait également paraitre des résumés de ses articles en Espéranto. On peut demander un numéro spécimen contre 115 Frs (52 rue Victor Hugo à Lyon — CCP LYON 160.74) de ce journal qui parait deux fois par mois).

*
* *

*BRESIL :* Depuis sa parution en 1939, la Revue Brésilienne de Géographie accompagne également ses principaux articles d'un résumé en Espéranto.

*
* *

*PRAGUE :* Sous le titre « Tous les Hommes sont Frères » la Société Espérantiste de Prague a organisé une réunion au cours de laquelle furent présentés des poèmes d'auteurs classiques chinois. La traduction de ces œuvres était faite en Espéranto, qui très souvent sert de lien entre les langues tchèque et chinoise.

## SUKCESA GEOGRAFIA SEMAJNO.

Kiel antaŭvidite, inter la 20-a kaj la 27-a de Julio okazis la unua Geografia Semajno, organizita de la Internacia Geografa Asocio.

La scenejo de la kunveno estis la rave bela loko Rovinj ĉe la norda parto de la jugoslavia marbordo. Unuflanke etendiĝas la blua Adriatiko, aliflanke vasta pinarbaro kun verdaj, florplenaj gazonoj. Inter ambaŭ, la senfina plaĝo. Ĉe la arbarbordo cento da dometoj, inter kiuj areto loĝigis la esperantistojn. En la aliaj loĝis kutimaj kampadantoj.

Dum la frua mateno banado, gimnastiko aŭ joga-gimnastiko okupis la partoprenantojn. Post la matenmanĝo okazis pristudo de diversaj aspektoj de la regiono aŭ aliaj fakaj temoj en laŭvola studrondo. Dum du vesperoj s-ro Tibor Sekelj prezentis lumbildprelegojn pri siaj esplorvojaĝoj por ĉ. 300 personoj, ĉar la prelegoj altiris ankaŭ neesperantistajn tendumantojn, kaj tiel ili havis ankaŭ grandan propagandan valoron por Esperanto.

La posttagmezaj horoj estis preferataj por marbano kaj por sunbano, ĉar la vetero estis nekompareble favora dum la tuta semajno. La membroj de la Semajno havis okazon por submara esplorado, kun adekvataj maskoj kiuj staris je ilia dispono, kaj ĝi reprezentis unikan aventuron por tiuj, antaŭ kies okuloj la unuan fojon malfermiĝis la misteroj de la mirinda « mondo de silento ».

Unu tago estis dediĉita al ŝipekskurso al la Lima kanalo, kie la membroj ricevis instruon pri la bredado de ostroj. Kiel ilustraĵo de la elmontrado, la partoprenantoj de la ekskurso abunde gustumis la delikatan frandaĵon.

La Geografia Semajno kunvenigis ne nur fakulojn sed ankaŭ esperantistojn interesitajn pri vojaĝado, esplorado, kaj agrabla somerumado en amika rondo. Pro ĝia sukceso kaj pro la gajno kiun ĝi signifas por la plialtigo de la prestiĝo de Esperanto en fakaj rondoj kaj ĝenerale, la Internacia Geografa Asocio decidis ripeti ĝin en Aŭgusto 1960, ĉifoje post la Universala Kongreso en Bruselo. Al la jam okazinta programo oni aldonos pliajn interesajn programerojn, kun esplorekskursoj kaj pli granda atento al la submara esplorado. La ĉarma loko, la Adriatika suno kaj la malaltaj prezoj restos ĉiama allogaĵo.

---

Interesiĝantoj bonvolu sin turni al la sekretario de la dua Geografia Semajno : F-ino Maria Mirković Djura Djakoviĉa 22, Rijeka, Jugoslavio.

# RADIO ESPERANTO-PROGRAMO

Informo (I)
Parolado (P)
Kurso (K)

*ĉiutage*

10.00—10.30 Rio de Janeiro, 30.78m. 25.48m. K.I., L.B.V., Av. Rio Branco 43-3°-Rio de Janeiro (D.F.) Brazilo.

*Dimanĉo*

15.00—15.15 Piraçununga, 198m. (1520 krs). K. Radio-Difusora ZYI 3, Piraçununga (Sao Paulo), Brazilo.

20.00—20.25 Sofia, 49.42m, 39.11m. P. Radio Sofia, Bulgario.

23.30—23.55 Sofia, 39.11m, 30.93, P.

00.35—00.55 Bilbao, 265 m (1133 kcs). P. Radio Bilbao, Hispanio. (Horo variebla dum unuhora diverslingva programo).

*Lundo*

01.45—02.00 Juiz de Fora, 60,91 m. I.P. Radio Industrial, Rua Batista de Oliveira, 745, Juiz de Fora (Mnas Gerais), Brazilo.

18.30—18.35 Bern, 48,66 m. 31.46 m. P. (D-ro Baur). SRG., Kurzewellendienst, Neuengasse 23, Bern, Svislando.

19.10—19.30 Valencia, 223 m. (1285 kcs). P. La Voz de Levante, Valencia, Hispania.

23.40—23.57 Hilversum, 402 m. (746 kcs). P. N.C. R.V., Schuttersweg 8, Hilversum, Nederlando (nur la unuan Lundon de ĉiu monato).

*Mardo*

12.55—13.00 Bern. 48,66 m, 31.46 m, 13.94 m, P. (D-ro Baur).

16.00—16.10 Ljubljana. 327 m. (917 kcs), 221 m. (1357 kcs). K. Radio Ljubljana, Jugoslavio.

17.40—17.50 Wien. 208 m. (1.440 kcs), 48.74 m. 25.46 m. I. Radio Wien, Argentinierstr. 30a, Wien IV, Aŭstrio.

18.55—19.10 Roma. 50.34 m. 41.24 m. 30.90 m. P. Radio Roma, Casella Postale 320, Roma, Italio.

20.00—20.15 Stockholm, 32.20m. 26.20m. 20.20m. P. (nur la lastan mardon de ĉiu monato). Radio I.B.R.A. Poŝtfako 821, Stockholm 1, Svedio.

*Merkredo*

18.55—19.10 Roma. Kiel marde.

23.50—24.00 Hilversum, 298 m. (1007 kcs), I, V.A. R.A., Heuvellaan 33, Hilversum.

*Ĵaudo*

09.30—09.40 Paris. 280 m. (1070 kcs) 235 m. (1.277 kcs). K. Esperanto-Office, Orléans (Loiret), Francio.

12.55—13.00 Bern. Kiel marde P. (D-ro Privat).

00.05—00.20 Zagreb, 264 m. (1135 kcs). Radio Zagreb, Jugoslavio.

00.30—01.00 Sao Paulo, 62.83 m. I.K. Radio Progresso. Sao Paulo, Brazilo.

*Vendredo*

18.30—18.35 Bern, Kiel lunde. P. (D-ro Privat).

18.55—19.10 Roma. Kiel marde.

22.30—22.45 Guatemala Cd. 470 m., 197 m., 47 m., 30.50 m. I. Radio-Esperanto, La Voz de Guatemala. Mez-Ameriko.

*Sabato*

19.30—20.00 Rio de Janeiro, 375 m. (800 kcs), 25.10 m. K.I. Radio Ministério da Educaçao, Praça da Republica 141 A, Rio de Janeiro (D.F.), Brazilo.

22.00—22.20 Rio de Janeiro, 214 mm. (1400 kcs). K. Radio Roqete Pinto PRD 5, Rio de Janeiro, Brazilo.

23.15—23.22 Hilversum, 402 m. (746 kcs). P. K. R.O., Emmastraat 52, Nederlando.

*
* *

## ALVOKO AL LIBRO-AMIKOJ.

La redakcio de « Het Trefwoord » (La Trafvorto), belga revuo por bibliotekistoj kaj arĥivistoj, serĉas kontakton kun bibliotekistoj, arĥivistoj, librovendistoj (kaj ĉiuj libro-amikoj) en la tuta mondo. Ĉiuj personoj kiuj deziras kontakti belgajn bibliotekistojn, ktp... por korespondi pri bibliotekaj aŭ libraj aferoj, por interŝanĝi librojn aŭ fotojn de bibliotekoj, por prepari vizitojn al belgaj bibliotekoj, kaj aranĝi la interŝanĝon de loĝado dum vojaĝoj, ktp... povas skribi al la redakcio de « Het Trefwoord » : senpaga anonco kun iliaj deziroj aperos en la sekvonta numero de « Het Trefwoord ».

« Het Trefwoord » serĉas ankaŭ kontakton kun bibliotekistoj kaj verkistoj, kiuj dezirus kunlabori kun la revuo pri la sekvantaj temoj :

— la organizado de la nuntempa bibliotekeco : la leĝaj regularoj por publikaj bibliotekoj — la teĥnika organizo de la publikaj bibliotekoj — la eduko de bibliotekistoj : organizado de la lernejoj por bibliotekistoj ;
— historio de interesaj bibliotekoj ;
— biografio de bibliotekistoj, kiuj ludis grandan rolon en la evoluo de la bibliotekeco ;
— anekdotoj el la profesia vivo de bibliotekistoj ;
— la organizado de la diversaj specoj de arĥivoj ;
— historio de la libro ;
— resumo de la nuntempaj naciaj literaturoj ; precipe kun detaloj pri la temoj, kiujn la junaj verkistoj traktas en siaj verkoj.

ADRESO : S-ro L. Van den Briele, ĉefredaktoro de « Het Trefwoord », Bruul, 77, Mechelen, Belgio.

## LINGVAJ PROBLEMOJ

# BAUDOIN DE COURTENAY 1929-1959

Antaŭ ĝuste tridek jaroj, la 3-an de Novembro 1929, mortis en Varsovio fama pola lingvisto, devenanta el franca familio, prof. Jan BAUDOIN DE COURTENAY. Li estis naskiĝinta apud Varsovio (1845), fariĝinta doktoro pri filozofio (Leipzig, 1870) kaj pri kompara lingvistiko en Petersburgo. Profesoro en Kazanj, poste en Dorpat, Krakovo (1893-99) kaj Petersburgo (1900-14). Post la unua mondmilito li iĝis profesoro pri kompara lingvistiko ĉe la Varsovia universitato. « Varma amiko de E », laŭ la « Enciklopedio de Esperanto » (p. 40) aŭ eĉ « esperantisto » laŭ S-ino Maria Ziolkowska (« Le Docteur ESPERANTO », p. 132) li fakte *ne* estis, sed nur partiano de konstruita Lingvo Internacia. En 1907 li defendis ĝin kontraŭ la atakoj de la lingvistoj K. Srugmann kaj A. Leskien. Resumo de lia germanlingva artikolo aperis sub la titolo « Scienculo-lingvisto pri Esperanto » (en « ESPERO », organo de la Kleriga Ligo « Vjestnik Znania », kies redaktoro-eldonanto estis S-ano V.V. Bitner, 1908, N° 9, p. 354-368 ; N° 10-11, p. 423-429, en rusa lingvo ; N° 12, p. 457-459, en Esperanto). Li diras tie : « Mi tute ne estas esperantisto, nek partiano de iu alia internacia helplingvo... sed mi komprenas Esperanton... kaj pli-malpli bone aliajn artlingvojn ». Li apartenis al la Komitato de la « Délégation pour l'adoption d'une langue internationale auxiliaire », sed malakceptis la reformitan dialekton, ĉar se iuj detaloj ŝajnis al li efektivaj plibonigoj, multajn aliajn li varme kritikis. Konklude li supozis, ke « en pli-malpli proksima estonteco Esperanton anstataŭos alia, pli perfekta enkorpiĝo de l'ideo de internacia lingvo ». Tio eksplikas kial post la apero de l' projekto « Occidental » (kies aŭtoro estis la eksesperantisto E. von WAHL), lia nomo aperis inter la « protektantoj » de tiu ŝajne pli perfekta solvo. Ĉiuokaze necesas likvidi la legendon pri la « esperantisteco » de prof. BAUDOIN DE COURTENAY.

Paul CILIGA.

***

### PRI « VIPERO »

Jam en Decembro 1919 S-ro Max Butin atentigis en « Esperanto-Praktiko » pri la letero, kiun li estis ricevinta de D-ro Zamenhof, kaj kiu konfirmis, ke la formo « vipur » anstataŭ la korekta « viper » estas preseraro de « Universala Vortaro ». (Ni ŝatus scii, ĉu tiu preseraro estas jam en la 1-a eldono, ĉar la duan publikigis alia presejo). Tiu radiko mankas en la Unua Libro ; ĝi aperas unuafoje en la « Plena Vortaro Rusa- Internacia » (1889, p. 47) sub la formo « VIPER » ; tiel ĝin represis la « Meza Vortaro Internacia-Germana » (1889, p. 72)

En 1908 prof. Th. Cart en sia « Dictionnaire Français-Esperanto » (p. 646) donas nur « VIPER », same kiel en ambaŭ eldonoj de « Esperanta Radikaro » (1906 kaj 1907, p. 87). En 1909 prof. E. Boirac en sia « Plena Vortaro Esperanto-Esperanta » (p. 339) donas en la maldekstra kolumno la formon « VIPER » kaj indikas en la mezo, ke « VIPURO » en *Universala Vortaro* estas preseraro. En la dua eldono de « Germana-Esperanta Vortaro », kiun li redaktis, D-ro Zamenhof skribis, ke « se oni deziras scii, kian tradukon MI PERSONE rekomendus por tiu aŭ alia vorto..., se ekzistas ia reciproka malkonsento inter la traduko de la sama vorto en diversaj vortaroj kaj oni deziras scii, kiun formon mi persone rekomendas elekti, — mi konsilas serĉi en la (germanaj) vortaroj... ». Je paĝo 248 troviĝas « vipero ». Sekve estas tute klara afero, ke ni devas aŭdi la konsilon de l'aŭtoro, ne la eraron de unu neresponsiva presisto.

Paul CILIGA.

***

### KORESPOND-PETO.

Deziras korespondi kun ĉiuj landoj pri diversaj temoj : muziko, folkloro, literaturo.

S-no Roux, 29, rue Croix-Verte, Saumur (Maine-et-Loire) Francujo.

### KOMUNIKO DE FRANCA ESPERANTO-INSTITUTO.

Listo de la novaj kapableculoj por novaj kursoj :
ALGER : Jelenc Feodor.
BORDEAUX : Mirande Bernard, Pipard Jacques.
BOURG-la-REINE : F-ino Cherrier.
CLERMONT-FERRAND : Beau G., Brelurut Jean.
FECAMP : Herbeaux Paul.
LYON : Givois Yvonne.
MALAKOFF : Ducelier Robert.
MARSEILLE : Bonafous Marie-Joséphine, Cadenel Madeleine, Galland Jeanne, Jullien Marcel, Lambert Daniel.
MARTINIQUE : Guyot Y.
PARIS : Bernard Léon, Bonnard Philippe, Cherpillod André.
PARMAIN : Rousseau Henri.
PERPIGNAN : Charlot Georgette.
ROMANS : Micoud Fernand.
St-ETIENNE : Faisan Madeleine.

### COMMUNIQUE DE L'U.E.F.

*Dons*

| | |
|---|---|
| S-ino Oehri | 75 fr. |
| S-ro Crochet | 160 fr. |
| Ges-roj Blanc | 4.250 fr. |
| S-ino Buisson | 600 fr. |
| S-ino Jungeaud | 1.020 fr. |
| Anonimulo J. | 50 fr. |
| Anonimulo | 15 fr. |
| S-ino Blary | 150 fr. |

*Membres bienfaiteurs*

(1959) F-ino Mas.
(1960) S-ro Broise, S-ro Poly, S-ino Carrière, S-ro Guillaume, D-ro Maillard, Frato Marmou, S-ro Belhoste.

### ATENTU !

La *Decembro numero* 1959 de la revue « ESPERANTO » fariĝos elstara jubilea numero. Ĝi havos alian aspekton kaj pli grandan amplekson, enhavos speciale elektitan kolekton de altkvalitaj artikoloj, riĉan foto-materialon, inter kio troviĝos tute ne konataj fotoj el la vivo de Zamenhof kaj entute tiu numero estos eksterordinare grava kaj posedinda por ĉiu vera esperantisto.

Ricevos ĝin krom la membro-abonantoj de 1959 ankaŭ ĉiuj novaj membro-abonantoj de 1960, kies kotizoj estos atingintaj nian oficejon antaŭ la 1-a de Decembro ĉi-jare.

Tial ni varme rekomendas al ĉiuj aliĝi kiel eble plej baldaŭ kiel membro-abonanto al U.E.A.

**UNUECO ESTAS FORTO !**

# RECENZOJ

La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.

## RETORIKO

Kun Aparta Konsidero al Esperantlingva Parolarto, verkita originale en la Internacia Lingvo de D-ro Ivo Lapenna, *Dua Eldono*, reverkita kaj kompletigita, kun antaŭparoloj de Reto Rossetti kaj G. Waringhien, kovrildesegno de Reto Rossetti, laŭ bronza Apolono, dio de la lumo kaj arto, el la j. 470 a.K., fotoportreto de la aŭtoro, Indekso, Aldono kun paroladoj de Brutus kaj Antonio el « Julio Cezaro », D-ro Zamenhof, Prof. Privat kaj la aŭtoro, 294 pp, formato 19 ½ × 14 cm, eldono de la aŭtoro, Rotterdam 1958. Prezo de tole bindita ekzemplero 1.540 F + sendkostoj ; de broŝurita ekzemplero : 1.260 F + sendkostoj.

Jen dua eldono de verko, kiu aperis en 1950 kaj estis konsiderata kiel unu el la plej bonaj verkoj de la postmilito. Ke ĝi nun povis atingi duan eldonon signifas, ke la publiko ĝin ŝatis. Eĉ bona verko ne devige estas ŝatata.

Sed tia verko, ĝuste en Esperanto, montriĝis tre utila kaj krome ĝi estis verkita de unu el la plej popularaj pioniroj de nia movado. Ĉiu ŝatas aŭdi la paroladojn de prof. Lapenna, prezentitajn kun tiom da klaro kaj diritajn en lingvo ĉiam agrabla kaj trafa. Oni plu volas scii pri la teĥniko de tiaj oratoraĵoj por ilin pli profunde ŝati kaj jen oni retrovas tra la tuta verko la samajn talentojn de prezento kaj klaro ; oni vere ekhavas la impreson denove aŭdi nian grandan oratoron. Lia verko nepre estas instrua ; jam sperta parolanto nepre ankoraŭ trovos tie konsilojn sekvindajn ; sed ĉiu ajn profitos el ĝi : necesas koni la teĥnikon de kiu ajn arto : muziko, pentro... kaj ankaŭ parolarto por kapabli plene ĝui ĝin. Post studo de « Retoriko » oni jam ŝatos taksi la teĥnikon de ĉiu aŭdata oratoro, oni pli bone komprenos la evoluigon de liaj pensoj ; eblos ankaŭ difini la mankojn aŭ difektojn de la parolantoj. Iuj pekas pro la sinprezento, pro la manko de agordo de la voĉo al la pritraktita temo, al la cirkonstancoj aŭ al la amplekso de la salono, aliaj pro neĝusta elekto de stilo, pro netaŭga prezentoplano aŭ misproporcio inter ties partoj, ktp., ktp.

Farita por esperanta publiko, « Retoriko » havas alian intereson. Ĝi atentis la problemojn de la lingvo ĝenerale kaj de Esperanto aparte. Al tiaj problemoj la tuta unua parto estas dediĉita. Elito inter la esperantistoj devos spertiĝi, kiel paroladistoj ; ili devos esti kompetentaj, interalie, paroli pri la lingvo ĝenerale, pri Esperanto aparte. Ili do informiĝu pri lingvistikaj problemoj. Bedaŭrinde, krom kelkaj nesufiĉaj broŝuretoj, nenio estis ĝis nun skribita en Esperanto, kiu povus respondi al niaj bezonoj. Nu, prof. Lapenna, kiu pro pli ol unu motivo, amas la internacian lingvon, speciale studis lingvistikon, kvankam li profesie estas juristo. Neniu lingvisto ĝis nun faris la neceson, nepre necesis ke nefakulo specialistiĝu. Neniu pli bone ol prof. Lapenna povis sukcesi en tia entrepreno, se nur pro tio ke, eminenta poligloto, li povis informiĝi ĉe la plej bonaj aŭtoroj de ĉiuj ĉeflingvoj, inklude la angla kaj la rusa. Inter la diversaj sciencoj, ĝuste lingvistiko, pro la simpla fakto ke la propra lingvo estas intima apartenaĵo de ĉiu el ni kaj ankaŭ pro tio, ke ni estas tentataj opinii, ke la tuta lingvistiko limiĝas al la kelkaj lingvoj kiujn ni konas ; ĝuste lingvistiko metas la esplorantojn en la danĝeron kredi bona nur tion, kio estas kutima. Nur sufiĉe vasta poligloteco, krom studo kaj inteligento, ebligas eskapi al tiu danĝero. Ĉiuokaze, la verko prezentas al ni la diversajn teoriojn, ekzemple rilate al la ekesto kaj evoluado de la lingvo, teoriojn pli ol unu fojon kontraŭajn unu al la alia kaj apartenantajn al diversaj skoloj el ĉiuj landoj. Ĉiuj estas objektive skemitaj kaj la leganto povas formi al si opinion kaj pri la demando mem kaj ankaŭ pri la diversaj skoloj (1).

Kion alportas nova tiu dua eldono ? Ni tuj diru, ke ĝi estas plene reviziita : praktike ne estas en la libro unu alineo, kiu restis sen modifo de almenaŭ kelkaj vortoj. Pluraj vortformoj eĉ estas korektitaj por konformiĝi al la evoluo de la lingvo, kiu intertempe tuŝis ilin (spontanea iĝis spontana, ktp...). Multaj alineoj, tutaj paragrafoj kaj eĉ ĉapitro estas nova. Ĉefe la Unua parto ampleksiĝis, tiu pri la lingvo : ĝi duobliĝis. Piednotoj, kun cito de la fontoj, pli abundas kaj densas. Subĉapitro pri rilatoj de lingvoformiĝo kaj antropologio estis kontrolita de S-ro Stöp-Bowitz.

Nun, tuta ĉapitro (la 3-a) estas dediĉita al la « Lingvo kiel Socia Fenomeno », sed la ĉapitro 6-a envere estas tute nova kvankam formale ĝi respondas al la 4-a subĉapitro de la unuaeldona 4-a ĉapitro ; ĝi titoliĝas « La internacia lingvo ». Gravega ĉapitro por ni ĉiuj, kiuj bedaŭrinde ankoraŭ longe devos defendi Esperanton kontraŭ la antaŭjuĝoj, la envio kaj la stulto de la homoj. Ni ja ne povas atendi ke neesperantista lingvisto pripensu kaj klare prezentu la ekzistopravon de nia lingvo. Cetere, tra la tuta verko, oni ja rimarkas — kaj tion pli evidente ol en la unua eldono — la grandan amon de la aŭtoro al Esperanto : li ekzemplas per ĝi, li montras ties superecon kaj invitas nin same ami ĝin. Ne blinde, sed post konsciopreno de ĝia propra valoro kaj de ĝia granda celo.

Ni aldonu ĉefine, ke la dua eldono aldonas al la unua antaŭparolo de R. Rossetti, duan de G. Waringhien, ke al la ekzemplaj paroladoj de « Brutus kaj Antonio », de Zamenhof kaj de la aŭtoro mem aldoniĝas kongresparolado de E. Privat, unu el niaj plej bonaj oratoroj, kaj ke nun « Indekso » de preskaŭ 20 paĝoj — nepre necesa por la studanto — plifirmigas, se ankoraŭ necese, la seriozan valoron de tiu verko, kiun mi volus en la biblioteko de ĉiu iom grava Esperanto-Societo, sur la librobreto de ĉiu serioza samideano.

Andreo ALBAULT.

---

(1) *Vidu la Redakcian Suplementon je la sekvanta paĝo.*

REDAKCIA SUPLEMENTO :

« *Pri la teorio de Akademiano MARR* :

Ekstraktoj el la recenzoj pri la unua parto de « Retoriko » :

« En la ĉapitro : De multlingveco al unulingveco » li (t.e. D-ro Lapenna) alpropriĝas al si la konkludon de la rusa lingvisto Marr : « La lingvoj moviĝadis kaj nun moviĝas al ĉiam malpli granda nombro da lingvoj, kio finfine devos doni al la estonta unueca homaro ĝian unuecan komunan lingvon ».

Efektive la aŭtoro adoptas la materialisman teorion de tiu sciencisto pri formiĝo de la lingvoj. Oni scias, kiom multaj sciencistoj diskutis pri tiu temo kaj akceptis plej diversajn teoriojn. Laŭ Marr, la unua homa lingvo tute ne estis sona, sed mana, signa, « kinematika ».

(Noto : pridemandita de S-ro Paul Ciliga, prof. MARTINET, kiu instruas ĝeneralan lingvistikon ĉe Sorbono, tute malakceptis tiun hipotezon, ĉar neniun veran pruvon oni sukcesis doni.)

« La prahomo, tamen, havis kapablon eligi kelkajn sonojn, kiuj estis *sal, ber, jon* kaj *roŝ*, el la gorĝo. Iom post iom tiuj elementaj sonkompleksoj, unue nekonsciaj reagoj sen aparta signifo, fariĝis signoj, kaj la unua asociiĝo okazis inter la sono kaj la objekto aŭ fenomeno... La aŭtoro mem prave rimarkas, ke multaj punktoj de tiu teorio ne povas esti akceptataj... ». L. BASTIEN (« Esperanto », 1950, paĝo 48).

*
* *

« En la ĉapitro pri la ekesto de la lingvo D-ro Lapenna konkludas (p. 59), ke estas « senduba scienca konstato », ke « la lingvo evoluas de la iama tre granda diverseco al pli aŭ malpli baldaŭa unueca komuna lingvo », kion instruas, laŭ p. 49, la t.n. jafetida teorio de la sovjeta lingvisto Marr (1864-1934). Kion diras pri tio la kompetentuloj ? La norvega lingvisto Hans Vogt skribas pri « The linguistic theories of N. Ja. Marr » de Lawrence L. Thomas : « Konsiderante la naturon de la teorioj priskribitaj, mi eĉ demandis min, ĉu la dediĉon de eble jaroj da pacienca laboro meritis la prezento kaj la refuto de teorioj, kiujn neniu homo ne perdinta sian prudenton iam povus konsideri serioze, kaj kiuj nun estas pli mortaj ol iu ajn teorio de scienca pensado de nia tempo ».

« La prezentoj kaj la juĝoj en tiu ĉapitro de D-ro Lapenna do estas tute eraraj. Tion kaŭzas i.a. la fakto, ke li ne klare distingas inter la demando, ĉu *ĉiuj* hodiaŭaj lingvoj havas komunan originon (pri kio ni scias nenion) kaj la tute alia demando, ĉu lingvoj pruvitaj *parencaj* havas komunan originon (pri kio konsentas la fakuloj). Kaj tiun konfuzon ŝajne kaŭzas lia nescio pri la metodoj de la t.n. kompara lingvistiko... Nu, la lingvistiko ja ne estas la fako de D-ro Lapenna, antaŭa profesoro pri internacia juro en la universitato de Zagreb ; — kiom da specialistoj konas la metodojn de aliaj sciencoj ol sia propra ?... Oni ne legu sen kritiko la unuan, lingvan parton de *Retoriko*... ». Povl SKARUP (« Internacia Pedagogia Revuo », 4-a Jaro, N° 1, paĝo 80).

*
* *

Opinio de sovjeta lingvisto, prof. A.S. Ĉikobava, (« Enkonduko en la lingvosciencon », Moskvo, 1952, paĝo 235), pri la t.n. « nova prilingva doktrino » de N. Marr : « ĝi malakceptis la genealogian klasifon de la lingvoj kaj la kompar-historian metodon... Ĝiaj ĉefaj tezoj difiniĝis per la doktrino de la kvar primaraj elementoj..., de kiuj devenas la homa lingvaĵo ; ili estas : *sal, ber, jon, roŝ* (ili laŭdire reprezentis la plej malnovajn tribnomojn, kiel pensis dum iu tempo N. Marr). Ĉiuj vortoj de la globo konsistas el tiuj kvar elementoj... La diferenco inter la lingvoj — laŭ Marr — estas kondiĉita per la diferenco inter la ŝtupoj (stadioj) de l'evolucio..., kiu komenciĝas per unusilabaj, radikaj lingvoj, kaj finiĝas per la fleksiaj lingvoj... La lingvaj familioj ne povas esti konsiderataj, kiel formiĝintaj unu el la alia, ĉar ili havas malsaman deiran materialon... N. Marr arbitre akceptis, ke ĉebaze de l'tuta homa lingvaĵo kuŝas kvar elementoj (*sal, ber, jon, roŝ*)... La teorio de N. Marr necesigus ekspliki, kial la ĥina lingvo, kiel li pensis, eĉ nun prezentas la unuan, antikvan stadion, kial ĝenerale la lingvoj de l'unua, dua kaj tria stadioj montriĝis malkapablaj antaŭenmarŝi, sed daŭre restas ĉe l'antaŭaj stadioj. Tiu teorio havas nenion komunan kun la historiaj faktoj... Ke ĉe la komenco ekzistis nur kvar elementoj kaj ke ili estis *sal, ber, jon, roŝ*, tion N. Marr neniе pruvis ; tiuj elementoj devenas de etruskaj tribnomoj : *fe-saloj, i-beroj, jon-anoj, ras-enoj*... La analizo laŭelementa pravigas plenan arbitron... la divenado laŭ elementoj kaj la scienco pri la lingvo estas neakordigeblaj ». Oni ja ne rajtas kompari faktojn hazarde similajn el malsam-devenaj lingvoj, kiel la georgia (gruza), la rusa kaj la hungara !

Ni forte bedaŭras, ke en libro cetere tiel serioze instrua troviĝas sespaĝa pritrakto de la « doctrine mal décantée » (laŭ esprimo de S-ro L. LAURAT) de Marr, kun tiel kontraŭscienca « ekzemplo », kiel la « transformiĝo » de *ruĥ* en *duĥ* : **NENIAM** la konsonanto « R » povas iĝi « D », ne parolante jam pri tio, ke la nuna « ruka » (= mano) iam estis « rôka », kun *naza* « o ». Sekve ne nur konsonanto, sed eĉ vokalo estis tute malsamaj ; do ne nur « multaj punktoj de la teorio de Marr », sed la **tuto** de tiu fumeca elukubraĵo estas absolute NE-akceptebla « ĥimera fantaziaĵo » (laŭ esprimo de S-ro G. WARINGHIEN en « Lingvo kaj Vivo », 1959, p. 11), kiun jam antaŭ la dua mondmilito kontraŭparolis famaj lingvistoj kiel S-roj M. COHEN, P. RIVET kaj A. SAUVAGEOT (en ties doktora tezo, 1928, p. 141 kaj 166-167). Nun eĉ la sovjetaj specialistoj refutis ĝin, do... »

Paul CILIGA.

*
* *

*Atentu !* El la tuta mondo mi deziras korespondantojn specialigitajn por bibliotekaj serĉadoj pri biografiaj dokumentoj de famkonataj Eminentuloj. Repagojn kaj klarigojn petu de :

S-ro E. Balland, 10, avenue Louis-Laroche, Guéret (Creuse) Francujo.

## LA ESPERANTA TRADUKO DE LA MALNOVA TESTAMENTO

de D.B. Gregor

« Preskaŭ nenio serioze leginda aperis pri la majstra traduko de Zamenhof », skribis en 1954 S-ro Banham parolanta pri la traduko de la Malnova Testamento, farita de D-ro Zamenhof mem kaj poste reviziita de Biblia Komitato. Nu, antaŭ nelonge aperis ĝustatempe por forigi tiun mankon libro titolita « La Esperanta traduko de la Malnova Testamento » de D.B. Gregor. Tiu libro malgranda rilate la dikecon (70 paĝoj), sed grandvalora rilate la enhavon, celas precipe komparon inter la plej uzitaj tradukoj de la Biblio jam ekzistantaj. Ĝi entenas 518 versojn, kies tradukon la plimulto de la tradukantoj trovis malfacila. Por ĉiu lingvo, antikva aŭ moderna, estas donita listo da versoj, kiuj akordiĝas kun la esperanta traduko, sed malakordiĝas kun aliaj tradukoj. Oni do tuj vidas, danke racian klasifon, kia povas esti la plej bona signifo de ĉiu verso. Precipe, per komparoj inter 10 tradukoj, la aŭtoro montras diligente la altan valoron de la traduko Zamenhofa. Unu longa ĉapitro starigas ankaŭ komparojn inter la traduko de Zamenhof kaj la reviziaĵo de la Biblia Komitato. Oni vidas, ekzemple, ke la Biblia Komitato faris ekzakte 22 gramatikajn ŝanĝojn en la teksto Zamenhofa.

Unuvorte, tiu libreto estas nepre necesa, ne nur por studantoj de la Biblio, sed ankaŭ por okazaj legantoj kaj por ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la Zamenhofaj verkoj.

André Cherpillod.

---

## ERRATA et ADDENDA

(N° 184 — Septembre 1959)

| Page | Col. | Lire : | Au lieu de : |
|---|---|---|---|
| 61 | 2 | s'exprimait | s'expriment |
| 62 | 1 | ne pouvait | ne pouvant |
| 62 | 2 | Dans un mouvement culturel comme l'espérantisme, une initiation poétique est ablument indispensable. | ... |

| Paĝo | Kol. | Legu : | Anstataŭ : |
|---|---|---|---|
| 66 | 2 | poŝkarto de D-ro | poŝtkarto D-ro |
| 66 | 2 | Yelland | Yeland |
| 72 | 1 | dek du | dek unu |
| 72 | 3 | METAL kaj MUZIK (« noto muzik'a ») | METAL |
| » | » | **16** ekstervicaj | **15** ekstervicaj |
| » | » | **2768** Fundamentaj | **2767** Fundamentaj |
| » | » | **806** radikoj | **807** radikoj |
| » | » | **1761** Oficialigitaj | **1762 Oficialigitaj** |
| » | » | 2768+1761 | 2767+1762 |
| » | » | 56 Fundamentaj | 55 Fundamentaj |
| 73 | 1 | krom 12 | krom 11 |
| » | » | kaj **2705** | kaj **2704** |
| 73 | 2 | 5 radikojn | kvar radikojn |

---

## LE DOCTEUR ESPERANTO

Traduit en français d'après le texte en Espéranto d'Isaj Dratwer et publié par les Editions Françaises d'Espéranto (à Marmande). Edition du Centenaire ; préface du Dr André Albault. Format 13×18. 165 pages. Broché : 650 frs. Cartonné : 1.350 frs. L'œuvre originale fut écrite en polonais par Maria Ziolkowska.

Voici un livre de valeur pour informer le grand public, en France, sur les origines de la Langue Internationale.

La biographie est, certes, un genre redoutable. Maints auteurs avertis y ont laissé des plumes : ou bien, historiens, liés par le souci d'une authenticité scrupuleuse ils ont compilé une sèche énumération de faits et de dates qui ne sauraient guère toucher que le spécialiste ; ou bien, romanciers, emportés par l'action d'une intrigue émouvante ils se sont imprudemment abandonnés au feu de l'imagination qui déforme la réalité au travers de ses fausses images.

Mme Maria Ziolkowska a su choisir (l'art, du reste, n'est-il pas un choix ?). Son ouvrage retrace la vie du Dr L.L. Zamenhof à la façon d'un film qui déroule devant nos yeux une série de « séquences ». A proprement parler il s'agit moins d'un roman que d'un scénario : les chapitres posent en quelque sorte des décors, introduisent des personnages, les font vivre et même dialoguer ; le tout, baigné de « couleur locale », devient attachant comme une action dramatique.

Evidemment il ne peut être question de trouver une représentation fidèle dans les moindres détails, mais l'essentiel est historique : les dates, les faits, les caractères... encore que les traits de celui du père de Zamenhof aient été quelque peu accusés.

La traduction faite par les Editions Françaises d'Espéranto, d'un style alerte et souple, a pu parfois prendre des risques, mais elle est élégante : on ne la sent pas. L'impression est nette, d'une lecture très agréable ; et finalement l'ensemble constitue un de ces livres qu'on voudrait lire d'une seule traite, tant on a plaisir à suivre le cours de son récit.

Tous les espérantistes et tous les groupes français tiendront à posséder cet ouvrage, car il est, de fait, un excellent moyen d'information qu'ils sauront introduire dans les bibliothèques municipales et au sein de diverses sociétés.

Jean Thierry.

***

Por verki libron, mi bezonas kelkliniajn resumojn de la plej bonaj sed ne tre konataj rakontoj por infanoj el la tutmondo. Bonvolu skribi al J.-P. Bonne, instruisto, 39, avenue Gai-Séjour, Sainte-Geneviève-des-Bois (Seine-et-Oise), Francio.

# " VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ "

La Publika Gardeno en Montélimar



(laŭ afabla permeso de « Syndicat d'Initiative »)

**MONTELIMAR (Drôme).**

« *Rodana Stelo* » : dumjara aktiveco !

*Oktobro* 1958

12. — parolado de S-ro Tücker el Cantorbery.

19/20. — dum la jara festo de la Esperanto-Grupo, en la lernejoj de Montélimar kaj de « Le Teil », kaj ĉefe en la « Palace-Cinéma », paroladis S-ro André Ribot antaŭ 400 ĉeestantoj.

27. — malfermo de Esperanto-kursoj en Montélimar.

*Novembro*

10. — malfermo de kursoj en la kolegio de « Orange ».

12. — malfermo de nova kurso en la « Cours Commentaire » de « Le Teil » : ĝin partoprenis 49 gelernantoj ; ĝis la fino ĉeestis la Lernejestrino mem, du instruistoj kaj 25 gelernantoj.

21. — parolado de S-ro Elliot el Londono.

*Decembro*

6. — Esperanto-balo en Montélimar.

*Marto* 1959

16. — Japana vespero : F-ino Joŝiko Kaĵino paroladis antaŭ 600 personoj.

17. — Kunveno de ĵurnalistoj kun F-ino J. Kaĵino.

18. — Japana vespero en « Le Teil » (120 personoj).

> *La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur kliŝojn, sed NE simplajn fotojn.*

*Aprilo*

29. — 14 gelernantoj trapasis la « Ateston pri Lernado » : 10 sukcesoj.

*Majo*

31. — « Atesto pri Lernado » en Montélimar (3 sukcesoj).

*Junio*

1. — « Atesto pri Lernado » en « Orange » (sukcesis tri lernantoj el la kolegio).

7. — en ĉeesto de la Deputito-Urbestra Reprezentanto, la Komandanto, la Lernejestrino, la Inspektisto de Elementa Instruado, la Ĝendarmestro, pluraj ĵurnalistoj, kaj 70 ge-esperantistoj, okazis la inaŭguro de BOIRAC-salono, nova sidejo de la grupo, 4 rue du Fossé.

8. — akcepto de ges-oj Langerak el Roterdamo.

21. — « Atesto pri Lernado » en « Romans » (3 sukcesoj).

*Julio*

15/18. — nova vizito de F-ino J. Kaĵino post vojaĝo en Jusgoslavio.

22. — en ĉeesto de du amikoj el Majenco, disdono de la premioj en la « Rodana Stelo ». Laŭreataro : por restado en Kastelo Grésillon,

1° 20.000 Frj — F-ino Darboux
2° 14.000 Frj — F-ino Roux
3° 11.000 Frj — F-ino Audrat
4° 10.000 Frj — F-ino Kinossian kaj S-ro Olagnon

F-inoj Audrat kaj Kinossian decidis partopreni la U. K. en Varsovio;

S-ro Olagnon restados en Grésillon.

28. — tri Montelimar-inoj foriris al Varsovio; 10 aliaj iros al Grésillon.

Por la venonta jaro ni multe projektis...

Sed la organizado de la Nacia Kongreso en Montélimar, dum la 4.5.6. junio 1960, jam postulas de ni ĉiuj el la Grupo multajn klopodojn kaj zorgojn; ĝin ni deziras tre brila, des pli ke la regiono estas tre favora al la Movado (200 partoprenantoj dum la lasta regiona kongreso).

Do, ĉi tiu 52-a Nacia Kongreso devus esti la plej impona el ĉiuj U.E.F.-Kongresoj.

**PERPIGNAN.**

**Imitinda ekzemplo okaze de la « JARO ZAMENHOF »**

La Kultura Esperantista Centro, (agnoskita de la Ministro de la Nacia Edukado), 5, Quai Vauban, Perpignan, — Orientaj-Pireneoj Francujo, decidis grandskale honori la memoron de D-ro ZAMENHOF, precipe per pli grava propagando kaj organizo de novaj kursoj.

Ekzemple, ĉiusemajne, 2 kursoj funkcias en Seminarioj por Geinstruistoj, 2 en Metiaj Lernejoj, 3 en unuagradaj lernejoj.

La « Kultura Centro » decidis ankaŭ sendi la propagandfoliojn de U.E.F. « La Jaro Zamenhof », al ĉiuj oficialaj instancoj, al ĉiuj parlamentanoj, al ĉiuj direktoroj de lernejoj.

Grava propagando estas farita ankaŭ pere de oftaj presartikoloj kaj radiodissendoj temante pri Esperanto, kaj precipe, pri la centjara datreveno de D-ro Zamenhof.

La « Kultura Centro » faris gravan eldonon de dulingva prelego (france-Esperante) de F-ino. Colette Llech-Walter (filino de la nuntempa Prezidanto de la Franca Esperanto Movado), pri « Ekzistencialistaj Herooj en la verkaro de J-P. Sartre. »

Tiu interesa studlibreto estas utilega por tradukekzercoj en la perfektigaj kursoj de Esperanto, kaj ankaŭ, por la gesamideanoj, kiuj deziras pli intime koni la francan lingvon pere de komparaj tekstoj, dank'al la laŭlinia traduko esperantlingve.

Tiun interesan verkon honoris entuziasma antaŭparolo de D-ro Giorgio Canuto, Prezidanto de U.E.A.

Tiun broŝuron oni sendis al ĉiuj bibliotekoj de la Universitatoj en Francujo.

Krom tiuj senĉesaj aktivaĵoj, la « Kultura Centro » decidis venigi en Perpignan, okaze de la dekkvina de Decembro, mondfaman profesoron de la Jura Fakultato en Montpellier, por prelegi pri D-ro Zamenhof.

Temas pri Profesoro Stefano Antonelli, Eks-Deputito iniciatoro kaj raportisto de la leĝo pri la « Socialaj Asekuroj » en Francujo.

La « Kultura Centro » decidis ankaŭ organizi publikajn prelegojn pri Pollando kaj la 44-a « Universala Kongreso de Esperanto ».

Se ĉiuj grupoj en la mondo agus tiamaniere, certe Esperanto progresus pli rapide, kaj la fina sukceso de Esperanto estus firma realaĵo en baldaŭa estonteco.

Ni profitu do la okazon de la « Jaro Zamenhof » por klopodi ĉiam pli kaj pli energie por nia sankta afero.

R. L.-W.

**VIENNE (Isère).**

Dum la jaro 1958-1959, nia grupo SUNRADIO kontentige funkciis.

La gelernantoj sukcesis la jenajn ekzamenojn :
6 Atesto pri Lernado,
6 Supera Atesto,
1 Atesto pri Kapableco,
1 Svisa Supera Diplomo pri Kapableco.

Festoj kaj kunvenoj ofte kunigis nin kun la najbaraj grupoj.

Pere de ĝemeliĝo, ni amike rilatas kun ESSLINGEN (Germanio) kaj UDINE (Italio).

En Oktobro, malfermiĝos du esperantistaj kursoj (unua kaj duagrada) en Collège Ponsard.

**MARSEILLE.**

En la salonoj de la Regiona Centro pri Pedagogia Dokumentado, 55, rue Sylvabelle, la Marsejla Esperanto-Grupo okaze de la Zamenhof-jaro, organizas ekspozicion ; ĝi celas la prezentadon de Esperanta literaturo kaj dokumentoj por elmontri utilecon de la Lingvo Internacia en ĉiuj medioj : turismo, komerco, filatelio, kulturaj interrilatoj, gazetaro... k.t.p.

La inaŭguro okazis la 24-an de Septembro 1959 je la 17-a, sub la prezidanteco de S-ro Rektoro el la Universitato d'Aix.

Informaj paroladoj okazis ĉiujaŭde je la 17-a :

*Esperanto kaj Kulturo,* de S-ro F. CADENEL, inspektisto de elementa instruado.

*Doktoro Zamenhof,* de S-ro Jean BEAU, agregacia profesoro en liceo de Marseille-Veyre.

*Tipa leciono pri la lingvo,* de S-ro F. GARRIGUE, lernejestro.

La ekspozicio estis vizitebla ĉiuposttagmeze, eĉ dimanĉe, de 14 h. 30 ĝis 18 h. kaj ĵaŭde matene de 9 h. ĝis 12 h.

**ROUBAIX-TOURCOING.**

La gazeto Nord-Eclair (1-10-59) publikigis interesan artikolon pri la studvojaĝo de Prof. R. H. OSBORNE el la Universitato de Nottingham. Li speciale interesiĝis pri urboplanismo kaj evoluado ; surloke li trovis multajn dokumentojn kaj temojn por liaj venontaj paroladoj.

Kun helpo de la Geografia Instituto, de Lille-Esperanto, de la Komitato de sociala-ekonomia pristudo kaj agado de Roubaix-Tourcoing, de la urbkonsilio de Wattrelos, kaj danke Esperanton, Prof. Osborne profite kontaktis multajn personojn el diversaj metioj kaj profesioj en la Norda Regiono, kvankam la unuan fojon li ĝin vizitis.

Afable, li respondis al ĉiuj demandoj.

Akcela kurso estas malfermita ekde ĵaŭdo, 1-10-59, je la 19-a 30, rue F. Lehouck, 10, Tourcoing, kaj surbaze de la lernolibro « Ni parolu en Esperanto » ĝi regule okazos ĉiujaŭde.

La laŭreatoj povos partopreni la U.K. en Bruselo kaj ricevi kiel premion, unusemajnan restadon en Nederlando.

**HENIN-LIETARD : Zamenhof-jaro, Centjara jubileo.**

La Henina Esperanto-Klubo organizis Federacian Esperantan Tagon la 11-an de Oktobro 1959.

Estis alloga programo kun la akcepto de la kongresanoj fare de la Urbestro-Deputito S-ro Fernand DARCHICOURT.

Post dekjara stagnado, ĵus refondita klubo iniciatis tiun Esperantan Tagon kaj strečas ĉiujn fortojn siajn por veki kaj revigligi interesiĝon ĉe la publiko ; tial, kompense ĝi kalkulas je ĉies bonvolo ! Vivu la Nordfranca Esperanto-Federacio !

**DOMFRONT (Orne).**

Oficiale ĵus stariĝis la grupo : la kurson vizitas dek-du gelernantoj. Ekfruktas la propagando de la U.E.A.-delegito S-ro Véron. La 29-a Normanda Esperanto-Kongreso okazos la 14. kaj 15. Majo 1960 en tiu ĉi turisma urbo kun riĉa historia pasintaĵo. Kompreneble aliregionaj gevizitantoj estos bonvenaj. La kunlaborado de la Normandia Esperantista Unuiĝo montriĝis efika : la « Basse Normandie » moviĝas. (Notinde, ke antaŭ 50 jaroj estis jam grupeto en Domfront).

**Kongreso de la Centra Montara Federacio.**
**VIERZON (Cher), la 31-an de Majo 1959**

Perfekte organizita de la Vierzona Grupo, kiun prezidas nia amiko, P. GITTON, 130 partoprenantoj ; inter ili, multaj gejunuloj. Ĉeestas kongresanoj el Allier : Moulins, Vichy, Commentry ; Cher : Bourges, Vierzon, Sancoins ; Nièvre : Nevers ; Puy-de-Dôme : Clermont-Ferrand et Thiers.

Gravaj delegitaroj el 3 lernejoj, kie Esperanto estas instruata ! Instruistina Seminario en Bourges kun ĉeesto de ties estrino F-ino BERTRAND, Teĥnika Lernejo en Thiers kun Esp-instruisto S-ro DESSAPT, Knabina Mezlernejo en Sancoins kun estrino S-ino BLANC.

Ĉio okazas en Esperanto kun la prezidanteco de S-ro CHAGNOUX, federaciestro : Ĝenerala kaj financa raporto (S-ro MUSSIER), jaraj raportoj de ĉiu federacia grupo. Oni ĝojas cefe pro la kursoj de F-ino S. BONTEMPS en la Instruista Seminario de Bourges, kie la intereso por Esperanto estas promesplena. S-ro BLANC proponas deziresprimon por kreo en Francujo de filma-servo je la dispono de la grupoj kaj propagandistoj (adoptite).

En la urbdomo la tuta konsilantaro, kiun estras D-ro MERIGOT, ankaŭ departementa konsilanto, solene kaj kore akceptas nin je honorvino. Konsilantino S-ino BLANC (el Vierzon) bonvenigas nin per kortuŝa alparolo en Esperanto.

Post la komuna tagmanĝo, Varietea programo en Salle Collier (kongresejo) ; amatora filmo pri Marseille 1957, farita de niaj amikoj el la Thiers-a Grupo ; kantoj de Esperanto-ĥoroj el Sancoins ; aŭdado de alilandaj esperantistoj per magnetofono (Nevers). Interne de la kongresejo, ekspozicio de korespondaĵoj, gazetoj, libroj, organizita de nia amiko REQUILLARD.

Dum la tuta mateno, ekzamenoj sub la kontrolo de F-ino DUMARCAY (Bourges). 17 kandidatoj por Atesto pri Lernado, 11 por Supera Atesto.

Por ĉiuj kongresanoj, bonega tago, kiu esperable donos profiton ne nur al la juna dinamisma grupo de Vierzon, sed ankaŭ al ĉiuj komencantoj, kiuj unuafoje kontaktis la movadon en la Federacia medio.

**SAINTE-GENEVIEVE-DES-BOIS.**

Okaze de la lerneja rekomenco, la Nacia Asocio por popola edukado kaj junulara movado « Renaissance et Culture » alparolas al ĉiuj personoj interesitaj pri evoluado de Kulturo, ekster la diversaj movadoj politikaj, filozofiaj, kaj religiaj.

Starigita la 4-an de Aprilo 1959 en la urbdomo de Ste-Geneviève des Bois, la Asocio celas :

— faciligi kulturajn internaciajn interŝanĝojn sur bazo de urba ĝemeligo.

— disvastigon de Junulaj Domoj.

— disvastigi la kulturajn kaj helpemajn agojn per starigo de bibliotekoj kaj senpagaj kursoj pri diversaj teĥnikoj, per ekspozicioj, paroladoj, spektakloj, studvojaĝoj, tra la tuta lando.

La Asocio dankas la Eminentulojn, kiuj jam jese respondis al ĝia peto por formi patronan komitaton :

Jean Cocteau, urbestro de Chalifert (Seine-et-Marne).

Pierre Gascar, Goncourt-premito.

Maurice Genevoix, Konstanta Sekretario de la Franca Akademio.

Henri Longuet, urbestro-deputito de Viry-Chatillon.

André Maurois, Akademiano.

Roger Perriaud, urbestro de Ste-Geneviève des Bois.

Marcel Pouzol, konservisto de Lagny-muzeo (Seine-et-Marne).

La nacia Estraro de la Asocio estas :

Prezidanto-Fondinto : Jean-Pierre BONNE.

Vic-prezidantoj : Marcel ROUSSI kaj Alphonse HAEFFELIN.

Kasisto : René DUNET.

Sekretario : F-ino Françoise ROUSSI.

Jam estas enskribitaj 15 gelernantoj en Sainte-Geneviève des Bois.

La urbkonsilio disponigis al la Asocio sidejon trebone aranĝitan ; jam ĝi posedas 800 librojn.

**PARIZA ESPERANTO-GRUPO.**

Jam de la 1-a de Oktobro la Grupo malfermis sub la aŭspicio de la « Filoteĥnika Asocio » plurajn kursojn : — kvin unuagradajn — en la lernejoj : 12, rue Saint-Benoît (Saint-Germain-des-Prés), 7, rue Robert Estienne (Champs-Elysées), 40, bld Diderot (Gare de Lyon) ; kaj en la liceoj : Charlemagne kaj Condorcet ; — unu perfektigan — en la liceo Condorcet.

Ĉiam tre fruktodona montriĝas tiuspeca kunlaboro kun jam de longe ekzistanta asocio por klerigado post la lerneja tempo.

# Tridek Nacioj... Tridek Lingvoj !!...

Antaŭ kelkaj semajnoj, la eminenta profesoro Stefano ANTONELLI, eks-deputito de Haute-Savoie (Francio) aŭtoro de la Leĝo pri « Socialaj Asekuroj », Profesoro ĉe la Jura Fakultato kaj ĉe la Supera Komerca Lernejo en Montpellier, skribis en la gazeto « MIDI-LIBRE » artikolon titolitan : « Tridek Nacioj ! ... Tridek Lingvoj !!... »—

La Profesoro tiele komencis la koncernan artikolon : « Mi ĵus legis tre interesan broŝuron pri la Li-« teratura Verkaro de J.P. Sartre. La tekston de tiu « libro prezentis je la unua fojo en Marseille kaj « Esperantlingve, F-ino Colette Llech-Walter, Di-« plomita pri Superaj Studoj, kiu pritraktis tiun de-« likatan temon, antaŭ multnombraj delegitoj de al-« menaŭ tridek nacioj, parolantoj de tridek diversaj « lingvoj kaj, mirinda fakto !, la feliĉaj geaŭskul-« tintoj ne havis sur la oreloj tiujn ridindajn aparatojn « kiujn oni vidas ankoraŭ en internaciaj oficialaj « Kongresoj. Eĉ plie, la kongresanoj tute ne bezonis « la kutimajn tedegajn tradukojn, sed ili perfekte « komprenis la prelegistinon, ĉar ŝi parolis Esperant-« lingve. »

Kaj Profesoro ANTONELLI tiamaniere finas sian interesplenan recenzon :

« Tiu perfekta lingvo (Esperanto) estas je nia « tuta dispono, sed tamen ni obstine rifuzas agnoski « la ŝatindan valoron de tiu senkompara interkom-« prenilo. »

D-ro Stefano ANTONELLI estas eminentulo. Do ne necesas insisti pri la graveco de la vidpunkto de tiu mondfama Profesoro. — Esperanto ne estas vana utopio, sed nepra bezono kaj realaĵo en nia ĉiutaga vivo.

P.S. — La dulingva broŝuro (franca-Esperanta) de F-ino Colette Llech-Walter estas havebla kontraŭ 200 fr, ĉe la sidejo de U.E.F., 34, Rue de Chabrol PARIS (X^e^).

***

### PAN... SUR LE BEC !

Morvan Lebesque, dans le « Canard Enchaîné », avait traité l'Espéranto de « Langue de zinc fabriquée de pièces et de morceaux !... »

De nombreux Espérantistes écrivirent à la rédaction pour protester.

Le « Canard Enchaîné », dans son N° du 2 Septembre 1959 a publié une réponse très pertinente de Grandière.

Ne laissons pas attaquer l'Espéranto par des gens qui n'ont même pas le scrupule de s'informer, au moins d'une manière concise, sur des sujets qu'ils ne connaissent pas.

---

**NE FORGESU PAGI VIAN KOTIZON POR 1960 !**

---

# ENIGMA KONKURSO

*Enigmo n° 4 :*

Laŭ la jenaj difinoj, trovi 16 vortojn el kiuj vi prenos meze ĉu *du* ĉu *tri* literojn. Sinsekve tiuj silaboj formas frazon el la Zamenhofa Proverbaro :

1-kunmiksi 2-rekoni kiel sian 3-senpinĉila krustulo 4-mara fiŝeto 5-opiniinta 6-longkrura birdo 7-konstruisto 8-familio de regnestroj 9-plaĉa 10-muelaĵo 11-asimili 12-kombino de vokaloj 13-spekuli 14-lando 15-ŝirmejo 16-festo

Limdato : 31-1-1960 por la sendo de la solvoj al S-ro J.A. ROUSSEAU. 64, Avenue de Châtillon — PARIS XIV^e^.

**SOLVO DE LA ENIGMA KONKURSO N °2 :**

*Por viaj ferioj, pensu ankaŭ al Gresillon*

PlenUmi OlibAno RimeNoj VariKoj InflAmo AntaUaj JanuAro FosiLio EkloGoj RisoRto IngvEno OrgaSmo Jezulto PapiLio EmajLoj NaftOlo ScieNco

Post la kontrolo de tiu konkurso, akiris poentojn :

Ges-roj. LAVALLEE Hélène (sanvic) Hop. ESCARE Jules (armissan) 24. BRUNET Charles (Bordeaux) 23. RAYNAUD R. (Alès) 17. FOURTIER Jean (Confolens) 17

*Enigmo N° 3.* Bonvolu korekti kaj aldoni : K=6; ĵ = 25.

14-10-1959.

***

### PARLONS FRANÇAIS... EN FRANÇAIS

Ce n'est pas une gageure de prétendre que les Espérantistes, justement parce qu'Espérantistes, tiennent à la pureté de leur langue nationale, tout en militant pour l'emploi généralisé de la Langue Internationale entre gens de nationalités différentes. D'ailleurs, il est prouvé depuis longtemps que l'étude de l'Espéranto fait mieux connaître et apprécier sa propre langue.

C'est pourquoi nous nous réjouissons de constater les efforts d'organismes tels que « l'Office du Vocabulaire Français » qui lutte contre l'introduction inutile dans la langue française de termes étrangers, spécialement anglais, lorsque le français possède des termes équivalents.

Efforts d'ailleurs encouragés et soutenus par une partie de plus en plus croissante de l'opinion publique : c'est ainsi que dans un de ses derniers numéros le « Publicateur Libre », journal hebdomadaire de Domfront, donne toute une liste de mots anglais, couramment employés en français, qui peuvent et qui doivent être purement et simplement rejetés au bénéfice de mots bien français « qui disent la même « chose, sinon mieux ». Bravo, le Publicateur !

VÉRON.

---

« JUNA ARKITEKTO deziras korespondi kaj interŝanĝi bildkartojn : Jan KALNY, Do Lesek 26, ZNOJMO, Ĉeĥoslovakio. »

# TRA LA FAKASOCIOJ

## FAK-ASOCIO VOLAS KUNLABORI KUN U.E.F.

Dum sia lasta kunsido, la Administrantaro de U.E.F. ricevis tre plezurigan leteron de S-ro Gonin, Prezidanto de la Franca Unuiĝo de la Blindaj Esperantistoj, petanta la aliĝon de F.U.B.E. al U.E.F. El tiu letero, bonvolu S-ro Gonin permesi al ni, citi la jenan paragrafon :

« Ŝajnas al mi, ke laŭ la morala vidpunkto tio « estus oportuna por ambaŭ Organizaĵoj : por la « blindulaj medioj tio donus moralan forton al nia « F.U.B.E., kaj kvankam nia membraro estas mal« multa (ĉ. 60), mi supozas, ke tio tamen estus apogo « por U.E.F. Cetere, mi persone opinias, ke ĉiuj « fak-asocioj devus aparteni al la nacia Organizaĵo, « por ke nia Movado estu forta, homogena ».

Ni ĝojas, ke proprainiciate la Prezidanto de Fak-Asocio skribis tiujn liniojn ! Estas bedaŭrinde, ke, en nia franca Movado, ĉiuj Esperantistoj imagas, ke ili akcelos la finvenkon de nia afero kaj tamen ne konsentas kunlabori kun la nacia Organizaĵo. Ĉu tiuj ĉi paroloj de S-ro Gonin pripensigos ilin pri la superaj interesoj de Esperanto ? Kial ne ?

A. R.

## LA ESPERANTO-RALIO DE JARNAC (4/7-9.1959)

Laŭ la afabla invito de nia amiko Gaston GOUGET, mi veturis kun miaj edzino kaj filino al la Radio de Jarnac, kiam la 3-an de Septembro sur la ponto de la « Charente » min surprizis la bela pejzaĝo de la enirejo al la kampo. Ponteto kun du arkoj inter granda florbedo kaj malnova ŝtona pordego el la 18-a jarcento formas mirindan vidindaĵon, ankoraŭ pli belan dum la nokto, kiam ĝi estas lumigata.

La kampejo mem estas tre bone lokita kaj ombrata inter la rivero Charente kaj du vicoj da arboj. Apud la rivero estas banejoj, duŝejo, infanludejoj kaj simpla restoracio, kie oni povas aĉeti trinkaĵojn kaj sandviĉojn.

La tempo de la ralio estis bone elektita, ĉar ĝi okazas samtempe kun la festo de Jarnac, la sankta Klodovaldo, fama pro siaj melonoj kaj bonaj vinoj « Pineau ».

La 4-an de Septembro vespere okazis lumparado de la urba muzikistaro kaj de aliaj lokaj asocioj. Poste okazis sub la muzikkiosko amuza satiro pri politikistoj kaj interplanedaj raketoj, kiu multe ridigis la ĉeestantaron.

Sabaton 5/9 matene ni vizitis la esperantan elmontron ĉe la urbdomo tre bone aranĝitan de S-roj GOUGET kaj BOURGUIGNON. La tuta urbo estas dekorumita.

La esperantistaj kampadistoj amase alvenas. Vespere mi kalkulis ĉirkaŭ 200 personojn kun 75 tendoj kaj 16 loĝveturiloj. Posttagmeze, ĉe la muzika kiosko kun la « Bitonoj » de Jarnac (amuzaj fantaziaj muzikistoj), okazis la solena edziĝo de la melono kun la « Pineau »; tio estis la kaŭzo de amikaj paroladoj kaj de spritaj rakontoj de Odette COMANDON, kiu rakontis en ĵargono de Saintonge la historion de la fama « bato de Jarnac ».

Vespere pluvetis, sed la pluvo bonvole konsentis halti dum la granda kampofajro de la esperantistaj kampadistoj. Ĉirkaŭ la granda, brulanta fajro okazis esperantaj kaj francaj kantoj, skeĉoj kaj rondoj pre-

Nova esperanta faka asocio :

## INTERNACIA ASOCIO DE TEATRAJ KAJ FILMAJ ARTISTOJ (I.A.T.F.A.)

Pro la aparte multenombra partopreno de teatraj artistoj en la teatraj aranĝoj dum la 44-a U.K. en Varsovio, altrudiĝis memkompreneble la ideo de komuna kunveno inter ili kun la celo de reciproka interkonatiĝo, fakaj pridiskutoj sen antaŭdifinita tagordo, kaj eventuala starigo de internacia faka asocio.

Okazis du kunvenoj. La unua vendrede, la 7-an de Aŭgusto, vespere post la prezentado de Internacia Arta Teatro. Ĝin ĉeestis nia eminenta samideano kaj pioniro sur teatra kampo sinjoro Julio Baghy, fraŭlino Marjorie Boulton, la reprezentantoj de la tri teatraj grupoj kiuj ludis dumkongrese kune kun la aktoraroj, sinjoro Jean Forge, konata pola filmreĝisoro kaj eminenta esperantisto, sinjoro Lech Piotrowski, dramaturgo de Bjalistoka teatro, sinjoro Remigius Kossakowski, opera kantisto, kaj pluraj polaj eminentaj teatraj artistoj kaj aktoroj. Entute kvardeko da personoj.

Enkondukan parolon diris sinjoro Julio Baghy, kiu atentigis pri kelkaj problemoj, kiuj staras antaŭ esperanta teatro. La enkondukaj vortoj rezultigis viglan diskuton. Ĝi ĉefe direktiĝis al la baza deirpunkto por esperanta teatro, nome la ĝusta kaj modela prononcado. En tiu diskuto al sinjoro Baghy kontraŭstaris sinjoro Flego, sed en ĝi partoprenis ankaŭ fraŭlino M. Boulton, gesinjoroj Seemannovi, sinjoro Kossakowski, fraŭlino J. Ravŝelj kaj aliaj.

Morgaŭan tagon okazis dua kunveno. Bedaŭrinde ĝin ne partoprenis kelkaj partoprenintoj de la unua kunveno kaj kelkaj devis baldaŭ forlasi ĝin pro forvojaĝo. Kompense tiun kunvenon ĉeestis la reprezentanto de belgrada esperanta teatra grupo sinjoro A. Sekelj.

Fine de tiu kunveno — laŭ iniciato de la polaj artistoj — estis fondita Internacia Asocia de Teatraj kaj Filmaj Artistoj (I.A.T.F.A.) kun jena estraro :

Prezidanto : Flego Srdjan,
Vic-prezidanto : Jovan Putnik,

zentataj de la grupoj de Angoulême, la Rochelle kaj Saintes.

Dimanĉon 6-an, je la 12-a horo okazis la honorvino donacita de la urbestraro. Ĉeestis la urbestro D-ro FOURCADE, la subprefekto S-ro RICCI, la senatano S-ro MARCILHACY, kiuj faris paroladetojn tre favorajn al la movado esperantista, antaŭ ol trinki la plej bonan ĉarentan « Pineau ». Poste oni donacis la premiojn cititajn en alia raporto. Poste Odette COVIANDON faris amikajn ŝercrakontojn kaj oni lotumis la senpagan loterion por la partoprenantoj.

Dimanĉon vespere ni ripozis ĉe la kampejo kaj multe babilis kun esperantistoj kaj kun aliaj personoj por varbi ilin.

Lundon matene 15 samideanoj sub la gvidado de D-ro CHAMPAGNE vizitis la brandejon Courvoisier. Tio estis tre interesa, ni gustumis la plej bonan konjakon kaj ni eksciis, ke la marko « 3 steloj » estas la malplej bona, kiu aserto surprizis nin ĉiujn.

Tiel finiĝis la ralio, kiu plenumis ĉiujn esperojn de la organizantoj. Resume 4 agrablaj tagoj favoraj al la kampadismo pro la bonaj aranĝoj kaj la belega tereno kaj tre favoraj al la esperantismo, kiu trovis ĉe la kampadistoj tre oportunan grundon por propagandi sian movadon.

L. COURTINAT

## SKIFERIO DE LA ESPERANTO-JUNULARO DE SVISLANDO.

Ĉar nia skiferio de la tri pasintaj vintroj majstre sukcesis, ni decidis denove ĝin okazigi ĉi-jare de la 26-a de Decembro ĝis la 3-a de Januaro, sed ni pli-larĝigas la rondon de la partoprenantoj invitante ankaŭ vin pasigi kun ni kelkajn neforgeseblajn tagojn en Adelboden, 1400 metrojn alta skistacio en la svisaj Alpoj. La aranĝo estas malfermata al gejunuloj inter 16 kaj 30 jaroj. La prezo de 95 svisaj frankoj inkluzivas la loĝadon en propra domo, hejtadon, ĉiujn manĝojn, akcident-asekuron, 2 skiekskursojn, skikurson por komencantoj, ktp.

Pli detalaj informoj estas riceveblaj ĉe : s-ro Michel Huot, maître secondaire, Malleray (Jura), Svislando aŭ ĉe Esperanto-Junularo de Svislando, Nordstrasse 216, Zürich 37.

La organizanto :
ESPERANTO-JUNULARO
DE SVISLANDO

Sekretario : Lech Piotrowski,
Komitatano por muziko : Remigiusz Kossakowski,
Komitatano por filmo : Jean Forge,
Komitatano : Mladen Ŝerment.

Oni pridiskutis la celojn de I.A.T.F.A. kaj faris kelkajn decidojn. I.A.T.F.A. skize celas :

Instigi ĉiujn aktivajn profesiajn esperantajn artistojn sur teatra kaj filma kampoj aniĝi al ĝi. (Aniĝojn akceptas sekretario sinjoro Lech Piotrowski, Bialystok, Teatr im. Wegierki).

Interesigi pli forte la oficialajn Esperanto-instancojn kaj la tutan Esperanto-movadon pri la problemoj de la esperanta teatro.

Doni ĉiun eblan teknikan kaj moralan helpon kaj apogon al naciaj esperantaj teatraj grupoj jam ekzistantaj, instigi al fondiĝo de novaj naciaj trupoj kaj doni apartan apogon al Internacia Arta Teatro (I.A.T.).

Instigi kaj helpi la diskuton pri la esperanta fonetiko kaj proponi praktikajn kaj ĝustajn solvojn por lernado de modela esperanta elparolo surbaze de jam ekzistanta internacia modela prononcado. (Evidente oni devos revizii ĉion, kion oni ĝis nun pli aŭ malpli ĝuste skribis pri esperanta fonetiko).

Krome oni decidis, ke sinjoro Flego preparos bazan statuton de I.A.T.F.A. En la postaj tagoj la prezidanto kaj sekretario dufoje renkontiĝis kaj abunde pridiskutis la estontan agadon.

Srdjan FLEGO

Sinjoro Flego petas ĉiujn fotoamatorojn, kiuj fotis la reprezentadon de la « Friponaĵoj de Skapeno » afable sendi kopiojn aŭ negativojn al lia adreso : Flego Srdjan, 67, bd. Pasteur, Paris XV^e^.

*
**

## MIRINDA MAGAZINO PRI ESPERANTO

« BIBLIOTHEQUE DU TRAVAIL », kiu aperas trifoje monate, rezervis la tutan numeron de la 1a de Julio 1959a, (N° 437a), al D-ro Zamenhof kaj Esperanto. Resume : belegaj fotoj, bonaj artikoloj, bonega propagando !

Fervorajn gratulojn sendu tuj al S-ro FREINET, B.P. 145, CANNES (Alpes-Maritimes) France.

R. L.-W.

---

# RADIO MARSEILLE-PROVENCE (FRANCIO)

Merkredon, la 9an de Decembro 1959, en la kadro de la ZAMENHOF-JARO, memore al la naskiĝtago de la Majstro, dum duon-horo (de la 19 h 15 ĝis la 19 h 45 — franca horo), estos elvokita :

« LA VIVO DE D-ro ZAMENHOF », en franca lingvo.

(Post la aŭdado sendu gratulan aŭ dankan leteron aŭ P.K. al R. T. F. — Parc Chanot — Marseille — France).

# NOTRE SERVICE DE LIBRAIRIE (EXTRAITS)

### ETUDE et ENSEIGNEMENT

A.B.C. (pour ceux qui aiment les lettres), de Waringhien ........ 150
A.B.C. (Manuel pour les Enfants) ........ 75
L'Esperanto cet Inconnu (André Ribot) ........ 125
Esperanto-Manuel, de Chavet et Warnier ........ 500
Manuel d'Etude, de Jean Couteaux, plus corrigé. 450
L'Esperanto Facile, de F. Gaume ........ 300
Ni parolu en Esperanto, de A. Ribot ........ 400
Manuel d'Initiation, de Thaillet ........ 150
Programme des Examens ........ 25

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES et VOCABULAIRES

Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) relié très solidement ........ 2.830
Dictionnaire Etymologique en 9 langues (Bastien) 1.000
Dictionnre Français-Esperanto (Grosjean-Maupin). 810
Supplément au précédent ........ 355
Vocabulaire de poche (Bastien) ........ 220
Lexique Esperanto-Français (NOVA) de R. Léger. 540
Les Mots Esperanto groupés d'après le sens (Bobin) ........ 100
Vocabulaire et Grammaire sur feuille ........ 10
Plena Vortaro de Esperanto plus : Suplemento.. 1.250
Scienca kaj Teĥnika terminaro (Haferkorn) .... 1.700
Militista vortareto ........ 120

### LITTERATURE, PHILOSOPHIE, SCIENCE

Abismo (originala romano de Jean Forge) ...... 315
Abkar (romano pri la babilona epoko) bindita .. 500
La Alaska Stafeto - Kaptitoj de la Glacirokoj ... 420
La Alia Pasinteco (Bulthuis/Isbrucker) ........ 700
La Amo en la Jaro Dekmil (Ignotus/Berenguer) .. 525
Anstataŭa Edzino (Maxwell/Sampson) bindita .. 420
Barbro kaj Eriko (Schneider kaj Carlsson) ...... 75
Brulanta Sekreto (Stefan Zweg/Chwerin) Epoko 9. 330
Carlo Bourlet (biografio) ........ 50
Colomba (Proper Mérimée/Beau) Epoko 6 ........ 170
Doktoro Dorner (H.L. Eggerup) ........ 560
Esperanto Legolibro (Elio Migliorini) ........ 375
Fabiola (Wiseman/Ramo/Robert) ........ 630
La Firmao de la Kato kiu Pilkludas (Balzac) ... 105
Jozefo (Applebaum) Stafeto ........ 560
La Forto de l'Vero (Adi) ........ 330
Gaja Leganto per Esperanto (P.E. Schwerin) .... 85
La Goja Podio (Raymond Schwartz) broŝurita .. 300
Hebreaj Rakontoj (Alehem/Muĉnik) ........ 105
La Hundo Kruso (Ballantyne/Inman) ........ 210
Infanoj en Torento (Stellan Engholm). I-II ..... 560
Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) ........ 630
Johano kaj Silvio, kun Esperant-Angla vortareto. 80
Poemoj de Omar Kajam (Waringhien) ........ 250
La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann/Wohltat). Epoko 11 ........ 330
Kiso de la Reĝino (Najivin/Staritsky). Epoko 10. 330
Kredu min Sinjorino ! (C. Rossetti), bindita .... 780
Misteroj de l'Vivo (Bogh-Hogsted/Graversen) .... 350
La Mondon al Ni ! (E. Kilian) ........ 150
Morto de Trajno (Crofts/Stuttard), bindita .... 750
La Naiveco de Pastro Brown (Chesterton) bind. 420
La Stranga Butiko (Schwartz) ........ 250
La Normandaj Rakontoj (Maupassant/Dupuis), lukse bindita ........ 1.680
Taglibro de Anne Franck (trad. Degenkamp) .... 1.075
La Bapto de Caro Vladimir (Havliĉek) Stafeto .. 1.000
La Infana Raso (W. Auld) Stafeto ........ 1.000
Lingvo kaj Vivo (Waringhien) Stafeto ; bindita : 2.000 ; broŝurita ........ 1.750
Eseoj (Waringhien) Stafeto ........ 1.000
Esperanta Antologio (W. Auld) Stafeto bindita : 2.100 ; broŝurita ........ 1.800
Novaj Esperanto Historietoj (Diversaj Aŭtoroj).. 250
Palaco de Danĝero (pri S-ino de Pompadour) .. 490
Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) Stafeto ........ 1.000
Premiaj Romanetoj (konkursintoj) ........ 80
Princino de Marso (Burroughs/Sturmer) Epoko 5. 170
La Princo kaj Betty (Wodehouse/Badash) Ep. 3.. 170
Saltego trans Jarmiloj (Jean Forge) ........ 315
Sep Vangofrapoj (Aszlanyi/Spierer). Epoko 7.... 330
La Sonĝo de Makaro (Kolorenko/Ŝidlovskaja) .. 60
La Tempo-Maŝino (H.G. Welles/Amos) Epoko 4 .. 170
Undino (Schreiner/Andrew), bindita ........ 450
Universala Legolibro (Fricke) ........ 175
Victoria (Knut Hamson/Olav Rygg) ........ 420
La Virineto en Bluo (Mason Stuttard). Epoko 8 .. 330
La Vojo Returne (E.M. Remarque/J.F. Berger) .. 420
La Esperanto Klubo (Malmgren) ........ 110
La Esperanto-Movado (Stop-Bowitz kaj Isbrucker) 280
Historio de la Lingvo Esperanto (E. Privat). I-II. 700
Sinjoro Tadeo (Mickiewicz), bindita ........ 850
Vivo de Zamenhof (E. Privat) ........ 450
Letetroj de L.L. Zamenhof (G. Waringhien) I-II. 1.900
Originalo Verkaro de Zamenhof (lukse bindita).. 1.575
Per kio ni amuzu nin ? (Rosenberg-Malmgren) .. 110
« Esperanto » (binditaj kolektoj 1952 aŭ 1953) po.. 500
Maximes de La Rochefoucauld (bilingue : texte esperanto de Waringhien) ........ 200
Aŭstralio-Lando kaj Popolo (ilustrita) ........ 350
Ekspedicio « Kon-Tiki » (Heyerdahl-Bryniildsen) lukse bindita ........ 1.850
Guide de Paris en Esperanto (illustré) ........ 250
Pola Folkloro kaj Popolkanto (Grenkamp) ........ 200
Polusaj Glacioj sub Noktomeza Suno (illustré) .. 150
Arto... farigi centjara ........ 280
Arboj de la Arbaro kaj Kampo (Booth), illustré .. 85
La Vivo de la Plantoj (P. Neergard) Stafeto .... 1.120
Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (P. Neergard) .. 1.540
Komercaj Leteroj (Pruissen) ........ 165
Pri Bredado de Abeloj (Andersen/Nederland) .. 385
Somera Universitato Malmö 1948 ........ 250
La Floroj de l'Malbono (tr. Waringhien) Stafeto. 1.340
Kontralte (Marjorie Boulton) ........ 1.000
Fabloj de la Fontaine (Lucien Thévenin) ...... 200
Antonio kaj Kleopatro (Shakespeare/Andrew) .. 210
Georgo Dandin (Molière/Zamenhof) ........ 265
Ifigenio en Taŭrido (Gœthe/Zamenhof) ........ 430
La Revizoro (Gogol/Zamenhof) ........ 430
Romeo kaj Julieto (Shakespeare/Andrew) ...... 210
Retoriko (Lapenna), bindita ........ 1.540
Aktualaj Problemoj de la nuntempa internacia Vivo (Lapenna), broŝurita ........ 720
La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita ........ 800
Vojaĝo al Kazohinio (Szathmari) ........ 1.000
Les Héros Existentialistes dans l'œuvre littéraire de J.-P. Sartre (texte bilingue) Colette Llech-Walter ........ 200

**Frais d'expédition et de poste : 20 %**
jusqu'à 1.000 fr. : 15 % jusqu'à 2.000
et 10 % au-dessus.
U.E.F., 34, Rue de Chabrol, PARIS Xe
C.C.P. 855.35 PARIS.

**N.B. La membroj de U.E.A. bonvolu konsulti la Jarlibron, ĉar ili povas mendi pere de U.E.F. ĉiun indikitan verkon.**

LANGRES. — IMPRIMERIE MODERNE

Le Gérant : J. GUILLAUME